# Enhavo



# Vi trovos

la vortojn sur la kovrilo eble ŝablonaj, eble emociaj – depende de via movada temperamento. Sed, vere, homoj fidelaj al idealo vicas en la numero – al idealo movada, lingva, eĉ stila. En la komenco, jen la scienca pintulo Reinhard Selten, fidela al idealo "kies facilan venkon oni ne povas atendi" (p. 202-203). Jen la larĝe planinta Ivo Lapenna, kies vivoverko invitas kaj elvokas analizojn (p. 204). Jen familianoj de Zamenhof, kiuj dronis morten ne nur pro sia judeco, sed ankaŭ pro idealo portata kvazaŭ en sia propra nomo (p. 206). Jen samideanoj el Sarajevo, kies radia voĉo atestas ilian persiston pri idealo (p. 206). Jen la nun 75-jara Fernando de Diego, kiu senlace konstruas tradukan verkaron konkere al altoj de idealo stila (p. 210-211). Kaj jen ĉiuj kiuj pro idealo pretas instrui en fora lando, deĵori tuttage en ekspozicio, donaci grandan sumon al Konto Espero, antaŭmendi dekon da vidbendoj kun Esperanto-kurso . . .

Homoj fidelaj al idealo: finfine, tio estas ni mem.

Ĝuu idealajn jarfinajn festojn!

*La kovrilo:* Portreto de Reinhard Selten fare de Ulrich Lins.

**esperanto**

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio
(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,50 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Eksterakovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.

**Telefakso:** (010) 436 17 51.

**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.

**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (Den Haag).

**Kreditkartoj:**

**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.

**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.

## Estraro de UEA

**Prezidanto** (kunordigado, reprezentado): prof. d-ro John C. Wells, 5 Poplar Road, London, Britio SW19 3JR; tel. +44/(0)81/542-03-02; fakso 715-40-10.

**Vicprezidanto** (landa kaj regiona agado): d-ro Ulrich Lins, Gemarkenstr. 150, DE-51069 Köln, Germanio; tel. +49/(0)221/680-32-50.

**Ĝenerala Sekretario** (informado, eksteraj rilatoj, CED): s-ro Mark T. Fettes, 695-B King Edward Avenue, Ottawa, Ontario, Kanado K1N 7N9; tel. +1/613/565-92-82; fakso 565-92-79.

**Estrarano** (financo): s-ro Hans Bakker, Kastelenstr. 231-II, NL-1082 EG Amsterdam, Nederlando; tel. +31/(0)20/642-18-53.

**Estrarano** (azia agado): prof. d-ro So Gilsu, Yangchon PO Kesto 11, Seoul – 158-600, Korea Respubliko; tel. kaj fakso +82/(0)2/646-54-13.

**Estrarano** (kulturo, kongresoj): s-ino Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio; tel. +39/(0)6/39-72-61-98; fakso 39-72-61-69.

**Observanto** (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj [ILEI]): s-ino Marija Belošević, Sveti duh 130, Ćrnomorec, HR-41000 Zagreb, Kroatio; tel. +385/(0)41/576-092; fakso 428-847.

**Observanto** (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo [TEJO]): s-ro Danny ten Haaf, Clarensteeg 2 G, NL-2312 WJ Leiden, Nederlando; tel. kaj fakso +31/(0)71/148-801.

*Informado:*

# Ago-Tago multloka, trankvila

**Atingis nin informoj pri la Ago-Tago el 13 lokoj en 10 landoj: pli ol en la lastaj jaroj. Dum la iniciato vastiĝas geografie, ĝi ŝajne ekperdas sian manifestacian karakteron: ĉi-jare oni preferis inform-metodojn pli trankvilajn. (Ĉiuj menciitaj eventoj okazis, krom kie indikiĝas alie, la 8-an de oktobro.)**

### Bristolo: 273 gratuloj

Dumviva membro Frank Buckley ricevis 273 gratulkartojn el 32 landoj por sia 80-jariĝo: ili fariĝis propaganda ekspozicio ĉe la publika biblioteko Filton de la brita havenurbo.

### Budapeŝto: Por samaj rajtoj

Trideko da e-istoj subskribis — ankaŭ nome de E-organizoj — alvokon, kiun ili sendis al ŝtat-administrejoj kaj partioj, kaj mem transdonis ĉe la ministerio por eksterlandaj aferoj. Ĝi emfazas ke e-istoj celas egalrajtecon de lingvoj, i.a. de la minoritataj — kiel E-o mem —, kaj postulas ke Hungario, kaze de akceptiĝo en la Eŭropan Union, insistu ricevi samajn rajtojn por sia lingvo kiel la jamaj membroŝtatoj. Ĝis nun du opoziciaj partioj reagis favore. El gazetara komuniko rezultis mencioj en 5-6 gazetoj, kaj du televidaj raportaĵoj (unu 5 min. longa). (L. Szilvási)

### Luksemburgio: Landskala lanĉo

Luksemburga E-Asocio invitis ĉiujn luksemburgiajn amaskomunikilojn (ĉ. 40) al gazetara konferenco la 4-an de oktobro. Venis 3 raportistoj kaj invito por radia intervjuo. Rezulte, en la plej legata gazeto, *Luxemburger Wort*, aperis favora artikolo la 8-an de okt., kaj la ĉefa radio RTL aŭdigis kelkminutan intervjuon la 10-an tagmeze. (C. Nourmont)

### Ranguevaux: E-o estis *la* evento

La francaj e-istoj en Lotaringio decidis aranĝi eventon en Ranguevaux, por ke ĝi estu *la* okazaĵo de la 700-homa vilaĝo. Videblis ekspozicio, filmoj kaj diapozitivoj pri ĉirkaŭmonda E-vojaĝo. Madeleine Laubacher rakontis al infanoj japanan fabelon en Esperanto, kun bildoj. Renée Triolle dolĉigis provlecionon per bombonoj. Venis 133 homoj, i.a. du ĵurnalistoj: artikoloj aperis en lokaj gazetoj.

Aliloke en Francio, ekspozicio estis muntita en komerca centro de Angers, kaj vidbendo prezentis E-on en kastelmuzeo de Bulonjo. (C. Nourmont)

### Turku: Aparta tagordo

La monata kunveno de la E-societo, la 9-an de okt., estis ĉi-foje publika. Al la 23 ĉeestantoj — i.a. 4 komencantoj — prezentiĝis nova informa vidbendo, kiun preparis Sointu Taranto kaj Anna-Liisa Ali-Simola. Du lokaj radiostacioj menciis la eventon, kaj unu el ili intervjuis la prezidanton de la societo. (T. Oittinen)

### Venado Tuerto: Kurso, kanzonoj

Argentina E-Ligo inaŭguris ĉe la klubo en Venado Tuerto (la urbo kie AEL sidejas) ekspozicion de E-periodaĵoj, kaj prezentis al vizitantoj videokurson de Enrique Kohei. La 22-an de oktobro en festa salono bibloteka kvin gekantistoj interpretis popularajn kanzonojn en E-o. (E. Kohei)




### Antananarivo: En bestĝardeno

En zoologia parko de la madagaskara ĉefurbo gejunuloj sub la gvido de Bruno Randrianarivelo studis kaj notis ĉion en E-o, komune vizitis muzeojn, kaj lernis kantojn kaj Esperantajn proverbojn. (B. Randrianarivelo)

### Riga: Gazetara kampanjo

Latvia E-Asocio informkampanjis gazetare pri lastatempaj E-eventoj kaj -libroj, kaj invitis al unutaga ekspozicio en la Riga Teknika Lernejo, konsistanta precipe el libroj de la LEA-biblioteko. (M. Jākobsons)

### Triesto: Varbo de kursanoj

E-istoj disdonis en trafikplenaj lokoj flugfoliojn pri Esperanto kaj pri la komenciĝo de kursoj en oktobro. (*La Eta Gazeto*)

### Tuluzo: "E" logis al Piron

Grandega "E" logis al la tablo de Esperanto-Kultur-Centro (EKC) sur la centra placo Capitole. La pasantoj povis foliumi la libron "La defio de la lingvoj" de Claude Piron (vd. jul.-aŭg., p. 133), kiun apuda prestiĝa librejo sukcese vendis laŭ interkonsento. Dekkvino da aktivuloj disdonis informfoliojn ankaŭ ĉe bazaro de naturaj nutraĵoj. (J-M. Cash)

### Zagrebo: En vendejego

Kroata E-ista Unuiĝo prezentis E-eldonaĵojn, lernilojn, novan korespondan kurson de KEU kaj la instru-vidbendon Mazi (vd. okt., p. 171) dum tri horoj en urbocentra magazeno tre vizitata. Raportis la du plej grandaj ĵurnaloj kaj radio; KEU-sekretario Marija Beloŝević anoncis la eventon radie jam la 3-an de okt. KEU leteris al ministerioj pri la bezono pli forte subteni E-on en lernejoj, restarigi la E-programon ĉe la ŝtata radio, pli informi pri E-eventoj en la amaskomunikiloj, kaj turisme prezenti Kroation per E-o.

La 7-an de okt. en Kutina malfermiĝis ekspozicio de Marijan Mirt, juna artisto e-ista. (M. Beloŝević) ★

*Intervjuo kun Reinhard Selten:*

# Ne nur por vidi la venkon

**Se ĵurnalisto volas intervjui t.n. "gravulon", li kutime devas persiste petadi, longe atendi, kontentiĝi per malabunda tempero el la strikta agendo de sia intervjuato. Ne tiel okazis kun la germana e-isto Reinhard Selten, ĵus ricevinta la ekonomikan Nobel-premion pro siaj ludo-teoriaj atingoj (nov., p. 182): malgraŭ sia prema tempomanko li volonte akceptis movadajn ĵurnalistojn, i.a. UEA-vicprezidanton Ulrich Lins kaj redaktoron István Ertl, kun kiuj li babilis en flua Esperanto, la 10-an de novembro en Bonn.**

*Vi estas almenaŭ la kvara esperantista distingito en la historio de la Nobel-premio. Ŝajnas ke esperantistoj Nobel-premiiĝas relative ofte, proporcie al la kvanto de la esperantistaro. Ĉu do, por ricevi Nobel-premion, la ludo-teorio konsilus lerni Esperanton?*

RS: Lerni Esperanton eble ne helpas al Nobel-premio, sed ĝenerale evoluigas la intelektan vivon de persono. Junaĝe lernita Esperanto donas grandan avantaĝon por alpropriĝi aliajn lingvojn.

La ludo-teorio estas matematika teorio pri konflikto kaj kunlaboro, pri situacioj en kiuj oni povas kunagadi, aŭ kontraŭi unu la alian, aŭ samtempe ambaŭ. Ĝi apenaŭ povas doni rektajn rekomendojn; nur provizi nin per ia fona scio. Tamen, la ludo-teorio donas pli bonan komprenon pri komplikaj situacioj. Ĝi ankaŭ helpas kompreni pli rapide novajn situaciojn de simila tipo. Kaj kiu havas pli bonan komprenon, tiu povas agi pli bone.

*En la traktaĵo* Ĉu mi lernu Esperanton? *(1982), kiun vi publikigis kun Jonathan Pool, vi donis kuraĝigan ludo-teorian respondon al la titola demando, sed nur en la kadro de tre limigita modelo, ne sufiĉe simila al la realo.*

RS: Pool kaj mi ĝeneraligis tiun modelon de lingvolernaj decidoj al laŭplaĉa lingvo, ne nur Esperanto, en la anglalingva artikolo "La distribuiĝo de fremdlingvaj kapabloj kiel lud-ekvilibro" (1991). Se ni posedus sufiĉe da statistikoj pri la parolantaro de diversaj lingvoj, ni povus plu perfektigi nian modelon. Ĝi ankaŭ devus konsideri la diversajn gradojn de lingvorego, anstataŭ kalkuli nur kun "jesa" kaj "nea" lingvokono. Sed ĉiam mankis tempo por tiu perfektigo.

Cetere, la ludo-teoriaj modeloj ne povas ne esti limigitaj, ĉar la veraj situacioj, kiujn ni volas kompreni, estas tiel kompleksaj ke ni ne povas eĉ revi analizi ilin.

*Ĉu aliaj lud-teoriistoj okupiĝis pri strategioj de lingvolernado?*

RS: Ne, neniu krom ni, malgraŭ ke ekzistas sennombraj aplikoj de la ludo-teorio al plej diversaj temoj. Ekzemple al biologia evoluo, kiu havas facile kvantigeblan faktoron. Nome, la natura selektado puŝas la vivaĵojn al konduto kiu optimumigas ilian reproduktan sukceson; nombrante la idarojn, oni povas mezuri tiun sukceson per ciferoj.



*Selten: Se io estas morale bona, ĝi restas tia ankaŭ se ĝi ne sukcesas.*

*Oni povus simile kvantigi faktorojn lingvohistoriajn, ekzemple tion kiel la ŝanĝiĝanta prestiĝo aŭ utilo de iu lingvo influas ties "reproduktan sukceson".*

RS: Jes. Ekzemple la sociolingvisto William Labov trovis ke kelkfoje dialektoj evoluas tre rapide, sub la influo de sociaj faktoroj. Sur insulo antaŭ la orienta marbordo de Usono, Martha's Vineyard, la loĝantoj evoluigis specialan dialekton, kiam ili volis diferencigi sin de la ĵus venintaj monhavuloj, kiuj aĉetis somerdomojn. Dialektoj estas utilaj por signali ke oni apartenas aŭ ne apartenas al iu grupo.

*Ĉu ankaŭ tiun faktoron de aparteno vi povus meti en vian modelon? Tiu modelo ja premisas ke la homoj volas komuniki kun kiel eble plej multaj aliaj — dum ĉi tie temas pri la volo ne komuniki kun iuj.*

RS: La lingvo havas ne nur komunikan funkcion, sed ankaŭ tiun de socia distingado. Ankaŭ ĉi lasta povas utili al la parolanto: se vi komunikas per dialekto kun samdialektanoj, vi estas proksima al ili, do ili pli emas helpi vin ol personojn kiuj ne parolas la dialekton.

*Ŝajnas ke la ludo-teorio trovis sian plej bonan aplikon ĝis nun en ekonomio.*

RS: Jes, sed ankaŭ tie ĝi pli helpas por plibonigi la komprenon ol por doni rektajn rekomendojn. Rekomendi oni povas se oni mem ellaboris la strukturon al kiu la rekomendo aplikiĝos. Ekzemple nun okazas aŭkcioj de radio- kaj televid-frekvencoj en Usono kies regulojn ellaboris ludo-teoriistoj — kaj tie ankaŭ la aĉetantoj serĉas konsilojn de ludo-teoriistoj.

*Ĉu tiel oni riĉiĝas el la ludo-teorio?*

RS: Ne, oni ne riĉiĝas . . . Mia celo neniam estis tio. Mi volas kompreni

kiel la ekonomio funkcias – ne por ricevi riĉaĵon, sed por la kompreno mem.

*En alia intervjuo vi aludis ke via scienca prioritato fakte ne plu estas la ludo-teorio.*

RS: Mi ankoraŭ okupiĝas pri ĝi, sed mi plej interesiĝas pri la kampo nomata "limigita racieco", kiu gravas ankaŭ por la ludo-teorio. Nome, la ludo-teorio ĝenerale supozas ke ĉiu homo kapablas agi plej racie en sia propra intereso. Sed la homa penskaj kalkulkapablo en la realo estas tre limigita. Malgraŭ tiu limigiteco, ni ĉiuj devas agi en mondo ekstreme kompleksa. Do, la problemo estas: per kia teorio eblus priskribi la agadon de homoj kun limigitaj kapabloj kiuj decidas en tre kompleksaj situacioj ekonomiaj? Jam de multaj jardekoj mi kredas ke oni devas evoluigi teorion pri tio. Mi komencis por tiu celo fari eksperimentojn jam fine de la 50-aj jaroj.

Mi povas doni ekzemplon pri limigita racieco rilate Esperanton. Ĉiu scias ke estas tre bone postuli monon por Esperanto-kurso, ĉar se iu kursano pagis, estas pli verŝajne ke li restos ĝis la kursofino. Tio ke li pagis fakte ne devus influi lian decidon resti, ĉar lia mono ĉiukaze estas for. La utilo por la kursano daŭrigi resp. ne daŭrigi la kurson tute ne dependas de la fakto ĉu li jam pagis aŭ ne.

*Limigita racieco certe rolas en decidoj pri lingvolernado! Umberto Eco en intervjuo diris ke se oni decidus je ŝtata nivelo tute racie pri lingvolernado, tiam ekzemple en Francio 2% de la homoj devus lerni la bulgaran, proporcie al ties graveco por la francoj.*

RS: Sed oni ne lasu ekster konsidero ke per la angla lingvo vi tamen atingas tiujn bulgarojn kiuj parolas la anglan. Kaj ĝuste tiujn vi pli volas atingi, ĉar ili verŝajne havas pli multe da dolaroj (*ridas*)! Ĉar la angla rolas internacie, tre multaj elektas ĝin kiel unuan fremdan lingvon.

*Vi mem ŝajne pli verkis angle ol germane.*

RS: En juna aĝo mi verkis multe ankaŭ germane – sed hodiaŭ eĉ por eldonaĵo en Germanio estas pli bone skribi en la angla. Alie la germanoj pensus ke vi ne havas ion gravan por diri! Tio certe ne povas plaĉi al espe-



"Mi ne intencas fariĝi publika figuro. Mi intencas vivi mian vivon kiel antaŭe."

rantisto kiel mi, sed mi pensas ke eĉ tiu tipo de internacieco estas pli bona ol nenia internacieco. Mi vere preferus ke ĉiuj sciencaj verkoj estu en Esperanto, sed tion ni ne povas atingi de unu tago al alia.

*Ĉu la internaciiĝo de la angla jam atingis la punkton de ne-returnebleco, la kritikan mason?*

RS: Ne, kaj la esperantistoj certe havas unu esperon: ŝajnas ke lernado de Esperanto plifaciligas la postan lernadon de fremdaj lingvoj. Esperanto devus sukcesi eĉ pro tiu sola kaŭzo. Sed por realigi tion necesas sufiĉe da personoj kiuj jam konas Esperanton . . .

*...kaj kapablas instrui.*

*Por reveni al la kursano de via ekzemplo: ĉu la homoj kiuj jam enestas en la Esperanto-movado ne kondutas simile al li? Ili pensas: "Mi multe investis en Esperanton, estus domaĝe forlasi ĝin, eĉ se ĝi ne fariĝos disvastiĝinta dua lingvo".*

RS: Laŭ mia sinteno oni estu esperantisto ne nur por vidi la venkon de sia ideo; gravas subteni ankaŭ tiajn ideojn kies facilan venkon oni ne povas atendi. Se io estas morale bona, ĝi restas tia ankaŭ se ĝi ne sukcesas. Tio ke la "fina venko" ne videblas, ne estas kaŭzo por malfideli al la idealo.

*Krome, la Esperanta komunumo ankaŭ per si mem havas multajn allogajn ecojn.*

RS: Certe! Bedaŭrinde, ju pli mi maljuniĝas, des pli malfacile mi povas ĝui tiun allogon, pro tempomanko. En mia juneco mi pli facile povis aktivi.

*Mi ne povas ne demandi pri via esperantistiĝo...*

RS: Mi komencis lerni Esperanton kiel 17-jarulo, en 1946-47, aŭtodidakte. Fakte, mi vidis kaj legetis E-libron jam pli frue en Breslau [hodiaŭ Wrocław, Pollando], kie mi vivis ĝis februaro 1945. Mia patro estis esperantisto, sufiĉe aktiva en la blindula E-movado. Tamen, la lingvon mi eklernis ne sub lia rekta instigo, nur sufiĉe longe post lia morto.

Ĉirkaŭ 1960 en Frankfurto mi estis vicprezidanto de la klubo. Mi eĉ ekzameniĝis kiel kursgvidanto, eĉ se vi nun povus pensi ke mia lingvonivelo ne indas tian distingon (*ridas*). En la fruaj 60-aj jaroj mi fakte gvidis kurson, kaj rondo de kursfinintoj renkontiĝis ĉiun ĵaŭdon en mia hejmo. Mi konatiĝis kun mia edzino dank' al Esperanto. Kiam mia pli juna frato aĝis 14 jarojn, mi instigis lin partopreni iun kongreson en Frankfurto, kaj instruis lin per la lernolibro *Petro* de SAT.

*Ĉu viaj kolegoj – kaj nun la ĵurnalistoj – scias pri via esperantisteco? Kiel ili reagas?*

RS: Mi ne intencas fariĝi publika figuro. Mi volas vivi mian vivon plimalpli kiel antaŭe. Sed mian esperantistecon mi neniam kaŝis kaj ne kaŝos; mi eĉ serĉas la okazon paroli pri Esperanto en intervjuoj. Ekzemple en televida babil-programo oni petis min diri ion en Esperanto, kaj mi salutis ĉiujn esperantistajn spektantojn. Mi jam skribis al la germana ambasadoro en Svedio, kiu donos lunĉon je mia honoro, ke li invitu certajn esperantistojn. Tiel mi havos iomete okazon paroli Esperante. Oni rimarkos tion, ĉar mi estos la centro de la atento (*ridas*).

*Dankon pro la interparolo. Mi neniam esperis intervjui Nobel-premiiton por la revuo* Esperanto!

RS: Kaj mi tute ne pensis ke iam *Esperanto* faros kun mi intervjuon. ★

*Jubileo:*

# Premiso de evoluo: flegi la heredaĵon

La 10-an de decembro pasas 40 jaroj ekde kiam la Ĝenerala Konferenco de Unesko en Montevideo akceptis la faman rezolucion IV.1.4.422, favoran al Esperanto. Ĝiaj kvar paragrafoj notis "la rezultojn atingitajn per Esperanto sur la kampo de la internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj por la proksimigo de la popoloj" kaj rekonis ilin respondaj "al la celoj kaj idealoj de Unesko". La Konferenco komisiis al la Ĝenerala Direktoro sekvi la evoluon de la uzado de E-o en scienco, edukado kaj kulturo, kaj petis la ŝtatojn-membrojn informi pri siaj rezultoj en ties instruado.

Ĉi tiu dokumento fariĝis vizitkarto de la movado kaj elirpunkto por daŭraj klopodoj trovi rekonon kaj subtenon ĉe internaciaj kaj landaj organizoj. Sen ĝi ekestus neniu posta deklaro aŭ rezolucio de Unesko.

Estas ekster dubo ke tiu sukceso ne eblus sen la grandaj inventemo, inteligento kaj persista antaŭlaboro de prof. Ivo Lapenna, mortinta antaŭ 7 jaroj, la 15-an de decembro 1987. Liajn epokfarajn organizajn kaj sciencajn atingojn oni devas konigi al la esperantistaro, pere de seminarioj kaj publikigaĵoj: ĉi tiu 40-a datreveno fariĝu okazo por tio. [La temo de la venontjara konferenco de Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj en Varsovio, 15-21 julio, estos "Vivo kaj verko de Ivo Lapenna" — *Red.*] La plenumotaj analizoj montru al la movado ĉu oni sufiĉe profitis el la fundamentaj entreprenoj de Lapenna por plibonigi la agadon de UEA kaj de aliaj organizoj. Lia abunda verkaro, kun *Esperanto en perspektivo* ĉefronte, donas firman bazon al tiuj analizoj.

Dum la Hamburga UK en 1974 Lapenna forlasis ĉiujn postenojn en UEA. Tio estas fakto tro morna kaj eĉ doloriga, se oni komparas la noblajn celojn de la movado kun kelkies agoj neakordaj al ĝi. La Hamburgajn okazintaĵojn Lapenna prezentis en la libro *Hamburgo en retrospektivo*.

Oni devas esperi ke la farotaj analizoj ebligos konkludojn pri la influo de la Hamburgaj eventoj je la Esperanto-movado en la t.n. socialismaj landoj en la 70-aj kaj 80-aj jaroj, pri kies amaseco kelkaj funkciuloj de UEA, kaj ne nur ili, multe fieris. La movado tie devis tamen havi tre mizeran bazon, se nun, kiam la ŝtato ne plu subvencias, ĝi ŝrumpis aŭ eĉ kolapsis.

Prof. Lapenna laboris ĝis sia morto sukcese por la movado, kun honoro kaj digno, konservante altajn moralajn principojn. Ni devas studi liajn verkojn, daŭrigi liajn talentajn entreprenojn.

**Zofia Banet-Fornalowa (Pollando)**

*Scienco:*

# Kvara konferenco en Pekino

Kvar jarojn post la tria Internacia Akademia Konferenco de Scienco kaj Tekniko en E-o (1990, Pekino), Sciencista-Teknikista E-Asocio (STEA) okazigis la kvaran IAKSTE ĉe Pekina universitato, de la 10-a ĝis la 17-a de julio. Al la solena inaŭguro venis pli ol 1400 homoj, inter ili 120 gastoj el naŭ eksteraj landoj. Ĉeestis sciencaj kaj politikaj eminentuloj. Vicprezidanto de Ĉina Akademio de Sciencoj, Hu Qiheng, emfazis ke E-o povas "servi al la reformado, malfermo kaj ekonomia disvolvo de Ĉinio".

La enkondukon sekvis ok prelegoj, plejparte pri la homa korpo kaj ties ĉinmetoda kuracado. Funkciis sep laborgrupoj plej diverstemaj, de "novaj konceptoj de moderna fiziko", tekniko kaj medicino ĝis "la homa korpo kaj Qigong". La anoj de la lasta grupo kuracis pli ol 400 homojn, i.a. kun tumoro, glaŭkomo kaj gala litiazo. Reprezentantoj de 11 altlernejoj elmontris pli ol 250 teknikajn novigojn.


*Prezentado de tajĝiĉuan-gimnastiko en la 4-a IAKSTE*

La grupon pri E-instruado prezidis Li Weilun. Estis legitaj 20 referaĵoj. Ĉiuj aplaŭdis la projekton de Matti Lahtinen (Finnlando) pri internacie kompilota E-lingva lernolibro de fiziko. La grupo i.a. rekomendis ke STEA, kunage kun Ĉina E-Ligo kaj lokaj asocioj, eldonu serion da lerniloj por elementaj kaj mezgradaj lernejanoj, trejnu instruistojn, kaj okazigu julie de 1996 en Pekino simpozion pri lernolibroj por infanoj kaj gejunuloj, resp. internacian E-semajnon infanan kaj junularan.

STEA eldonas ekde 1985 la jarkvaronan revuon *Tutmondaj Sciencoj kaj Teknikoj* (red. Shen Chenru), kun freŝaj informoj sciencaj kaj teknikaj el Ĉinio kaj la eksterlando. La revuo, kiu ĵus ricevis premion de Fondaĵo Grabowski, aboneblas ĉe la Libroservo de UEA (22 gld.).

**Laŭ raportoj de Ji Shi kaj Shen Chenru**

*Eŭropo:*

# Moldavio: la nevidebla lando

Sur la Esperanta mapo de Eŭropo, Moldavio daŭre restas blanka makulo, malgraŭ ke tie ja ekzistas parolantoj kaj subtenantoj de nia lingvo. Tamen, ĉefe pro la malriĉeco de la moldavianoj, ni ne aŭdas ilin, kaj ilia nombro ne kreskas. Ne mirinde: aerpoŝta letero al eksterlando kostas duontagan minimuman salajron; la plej malalta membrokotizo de UEA egalas monatan salajron; kaj kvankam libroj ne mankas, ili superas la aĉetpovon de la plejmulto.

Moldavio estas lando sufiĉe heterogena, kun loĝantaro majoritate rumanlingva. Sed, malgraŭ ke la oficiala lingvo de la ŝtato, laŭ la nova konstitucio, estas la rumana, la civitanoj inter si plej uzas ankoraŭ la rusan (la duan oficialan ŝtatlingvon). Dum jardekoj, ĉiuj loĝantoj de Moldavio devige lernis la rusan, "per kiu oni povas vivi ĉie en la mondo, ĉar ĉie oni ĝin parolas" (laŭ malnova rusa lernolibro). Por multaj tiu aserto ankoraŭ validas: veturante nur ene de la iama sovetia imperio, ili ĉiam trafis parolantojn de la rusa. En tiaj kondiĉoj, la moldavianoj apenaŭ konscias pri lingva problemo.

Sed la situacio ŝanĝiĝas iomete: moldavianoj (vere, malmultaj) sukcesas vojaĝi eksterlanden, dum pli kaj pli da alilandanoj kuraĝas viziti tiun belan sed malriĉan landon. Abundas usonaj packorpusanoj, kiuj "invadis" Moldavion por "solvi la tiean lingvoproblemon" instruante la anglan, kiu nun ŝajnas la plej populara fremda lingvo, precipe inter junuloj.



En Moldavio entuziasmaj gejunuloj venas al Esperanto.

Tamen, ne mankas tiuj laŭ kiuj la angla prenas la lokon de la rusa, kiel imperiisma lingvo. Sekve, ia intereso al Esperanto videblas, precipe inter denaskaj ne-ruslingvanoj. Plejparto de miaj kursanoj estis gejunuloj, kiuj senescepte jam studis fremdan lingvon (krom la rusa) en lernejo.

La vojon al nova horizonto por Esperanto en Moldavio malfermis en 1993 Eugeniu Mustea, moldavidevena floridano, kiu okazigis la unuan kurson en Chişinău (vd. nov. 1993, p. 186). Ĉi-jare li gvidis novan kurson por komencantoj; lin sekvis mi por instrui ok progresantojn dum du semajnoj. (Fondaĵo Carson subvenciis mian vojaĝon.)

Kelkaj lokaj gazetoj menciis Esperanton tre pozitive, kaj la nacia televido planas elsendon pri ĝi. Interesiĝis rektoro de universitato; publika biblioteko intencas krei E-librofonduson el donacoj (Biblioteca Transilvania, Bd. Mircea cel Bătrân 7, MD-277044 Chişinău).

Mi esperas ke la moldavia E-agado komencos post nelonge montri siajn rezultojn. Kompreneble, dum pluaj jaroj la moldaviaj e-istoj apenaŭ videblos en la mondo, unue pro malriĉeco kaj due pro manko de lerto. Sed dume la cetera E-mondo ne neglektu ilin, ĉar ili meritas nian subtenon [ekz. pere de Fondaĵo Canuto, kiu ĝis nun membrigis nur tri moldavianojn — *Red.*].

**Ionel Oneţ (Rumanio/Usono)**

# Rusio: La skismo fariĝis pasinteco

Inter la 4-a kaj 7-a de novembro en la urbo Niĵnij Novgorod okazis la Rusia Esperanto-Kongreso. Ĝi komenciĝis per apartaj jarkunveno kaj kongreso de Ruslanda E-Asocio (REA) resp. Rusia Esperantista Unio (REU, la landa asocio aliĝinta al UEA), kiuj akceptis decidon pri unuiĝo de la du asocioj, validan ekde la 5-a de novembro. Tiel la kunsidoj de la antaŭe apartaj organizoj jam okazis kadre de komuna kongreso. La skismo en la rusia E-movado ekde nun apartenas al la pasinteco.

La nova asocio provizore funkcias laŭ la statuto de REU kaj transprenas ties nomon. Elektiĝis komisiono (Viktor Aroloviĉ, Nikolaj Gudskov, Aleksandr Korĵenkov, Ivan Naumov) por esplori la statuton kaj proponi amendojn aŭ novan statuton al la sekva Tutlanda Kongreso de E-istoj en aŭtuno 1995, probable en Tjumenj. La estraron de REU konsistigas prezidanto Nikolaj Gudskov; vicprezidantoj Andrej Ananjin kaj Halina Gorecka; Viktor Arolovič kaj Irina Gonĉarova. Komitatano A de UEA elektiĝis Korĵenkov, ankaŭ komisiito pri ekstera informado; pri interna informado zorgas Ananjin. Oni decidis kompili kaj eldoni informlibron de REU komence de 1995, prepari kaj disvastigi informmaterialojn kunlabore kun la landa sekcio de Tutmonda E-ista Ĵurnalista Asocio, kaj komisii al la estraro evoluigi la reton de regionaj reprezentantoj kaj Esperanto-centroj.

**Nikolaj Gudskov**

*Fondaĵoj kaj kontoj:*

# Espero kontraŭ malespero

**La diversaj kontoj kaj fondaĵoj de UEA, bonŝance, daŭre altiras donacojn. "Oficiala informilo" de preskaŭ ĉiu numero sciigas vin pri la grandeco de la sumoj kaj — plejparte — pri la nomo de la donacintoj. Sed kiel, por kiu celo uziĝas tiuj rimedoj? La respondoj al tiu demando troviĝas sufiĉe disĵetite en diverstemaj artikoloj de *Esperanto*. Ekde nun, sub la rubrika kapo "Fondaĵoj kaj kontoj", vi legos iom da kolektitaj faktoj pri tiu uzo. Unue pri Konto Espero raportas ĝia stariginto, Renato Corsetti.**

Kiam la Berlina muro falis, pluraj havis la impreson ke tiu krako estas la ekkrako de la miljaraj muroj kiuj staradis inter la popoloj dividitaj. Eble, oni pensis, ni estas enirantaj novan epokon de ĝenerala paco kaj prospero. Iu eĉ asertis ke tio markas la finon de la historio.

Bedaŭrinde tuj poste iĝis klare ke la historio ne finiĝis, eĉ, oni eniras tute novan historion de militoj, militetoj, militegoj, nedeklaritaj militoj ktp, same oftaj kiel antaŭe aŭ eĉ pli. En ĉi tiu nova situacio UEA provis sekvi la ekzemplojn de nia historio, kaj praktike montri la esperantistan solidarecon, rifuzante maltoleremon kaj perforton, kiuj plu regas en la mondo.

Kiam oni starigis la Konton Espero en la UK de Vieno, oni agis sub la premo de la eventoj en Sarajevo kaj sub korpremiteco pro la sorto de la tieaj esperantistoj. La respondo de e-istoj al la alvoko de UEA estas de tiam je la nivelo de la plej noblaj tradicioj de nia movado. Ne nur konataj aktivuloj, grupoj kaj asocioj sendis konsiderindajn sumojn al la Konto Espero. Ankaŭ alfluis malgrandaj donacoj, ofte el la tria mondo aŭ de malriĉaj okcidentaj studentoj kaj pensiuloj: tiuj evidente plej ŝatataj donacoj estas la vera indikilo pri la grado de solidaremo de niaj membroj. Ĉiu sentu sin persone dankata!

Entute ĝis nun proksimume 35 000 nederlandaj guldenoj alvenis al la konto kaj proksimume 12 000 eliris. El la vidpunkto de UEA, estas ja pli malfacile elirigi la monon ol enirigi ĝin. Estas vere ke pro anoncoj en la gazetaro relative baldaŭ ekvenis petoj, kaj oni povis decidi pri la unuaj subvencioj. Sed iom pli malfacile oni sukcesis, pere de esperantistoj loĝantaj en najbaraj regionoj, enketi pri la situacio en la militantaj teritorioj. Kaj multe pli malfacile estis alvenigi la monon aŭ foje la pakaĵojn al homoj loĝantaj en regionoj kun kiuj la normalaj poŝtaj aŭ bankaj servoj ne havas rilatojn. Ĉi tiuj lastaj malfacilaĵoj estis sukcese venkitaj danke al la klopodoj de la Centra Oficejo.

Kiel vi povas kompreni, la plej granda parto de la helpo iris al esperantistoj el landoj de la eksa Jugoslavujo. Ĉi-rilate mi reliefigu ke, dum oni parolas pri etnaj malamoj kaj disigoj, ni spertis nur harmonian kunlaboron inter malsametnaj esperantistoj. Jen ankoraŭfoje vivanta pruvo pri niaj daŭraj asertoj ke ni estas internaciistoj ne facile influeblaj de naciisma propagando.

Sed ne nur tiu mondoparto ricevis la atenton de UEA. Helpo iris ankaŭ al e-istoj en Burundujo kaj Kubo. Ni bedaŭras ke ni ĝis nun ne sukcesis helpi viktimojn de la eventoj en Ruando, sed la tieaj okazaĵoj baris kiun ajn vojon al akirado de informoj kaj al kontaktoj kun la eventualaj esperantistaj suferintoj. Ni ja havas membrojn en Ruando, sed ni daŭre ne sukcesas interkontaktiĝi.

Jen, resume, kion ni faris ĝis nun. La sendintoj de donacoj al la Konto Espero konsciu ke ilia mono donis, donas kaj plu donos konkretecon al niaj pacismaj kaj kontraŭnaciismaj idealoj. Ĝi certe estas signo de espero por homoj en malespero. Bedaŭrinde ne estas signoj en la mondo pri la baldaŭa senutileco de la konto "Espero". Post la konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko eble ni estos devigataj akiri konsultajn rilatojn ankaŭ kun la Supera Komisiito de UN pri Rifuĝintoj. Se necesos, ni faros tion. Viaflanke vi daŭre petu la intervenon de UEA por kazoj kiuj laŭ vi meritas helpon. Ne timu pri la financo de UEA. Estu certaj ke aliaj esperantistoj daŭre ebligos tiun helpon, ĝis la momento kiam la obstinaj baroj efektive dissaltos.

Renato Corsetti (Italio)

*Historio:*

# Memore al la Zamenhofoj

**Ĉiuj esperantistoj scias pri la oferemo de Aleksander Silbernik, la bopatro de Zamenhof, kies financado ebligis la eldonon de la Unua Libro. Sufiĉe multaj scias ankaŭ pri Lidja, filino de d-ro Zamenhof, pro ŝia impresa aktivado kiel Cseh-metoda instruisto. Sed prilaboron atendas la netakseblaj kontribuoj de la edzino Klara kaj de la fratoj Felikso kaj Leono; la publiko malmulton scias ankaŭ pri ties infanoj kaj pri aliaj parencoj de Zamenhof. Okaze de pluraj datrevenoj, mi deziras skizi portreton de kelkaj el ili, kies Egado postulas pli longajn studojn.**

La fratoj de Zamenhof — krom la sinmortiginta Aleksandro (1877-1916) — forpasis unu post la alia ene de du jaroj (Henriko: 23/07/1932; Felikso: 04/12/1933; Leono: 07/02/1934), ĉiuj pro korinfarkto. La movado ŝajne ne rimarkis la 60-an datrevenon de tiuj mortoj.

Henriko (1871-1932) estis tro okupata kiel kuracisto kaj inventanto de haŭtkuraciloj, sed li bone konis E-on kaj dum sia tuta vivo apogis la movadon. Liaj du filoj, Mieczysław kaj Stefan, esperantistiĝis. Precipe Mieczysław aktivis en Varsovio; li pereis en Sovetio en 1942. Prof. d-ro

*Radio:*

# La Esperanta voĉo de Sarajevo

**Kiel anoncite en septembro (p. 142), la Sarajeva studio de Radio Bosnio-Hercegovino elsendas ekde la 4-a de aŭgusto 10-minutan Esperantan programon, kapteblan en Eŭropo je la ondolongoj 612 kHz (490 m) kaj 6980 kHz (43 m) en ĉiu merkredo je 23.15 *(ne je 22.15, kiel ni skribis en la novembra radio-tabelo!)* laŭ Universala Tempo (00.15 en Mez-Eŭropo). Redaktoro Mustafa Resulović sendis al ni kelkajn ĉerpojn el**

Stephen Zamenhof vivas en Usono.

Felikso Zamenhof (1868-1933) estis la unua kiu praktikis la lingvon kun Ludoviko kaj kiu – krom la kreinto de Esperanto mem – verkis en ĝi poemon ("Vizito de steloj sur la tero"). Literatura Mondo eldonis 271-paĝan *Verkoj de FEZ* en 1935. La gefiloj de Felikso, Julian kaj Romana, estis esperantistoj, same kiel lia edzino Helena.



*Wanda, Adamo, Zofia kaj Ludoviko en 1935*

Ankaŭ Leono Zamenhof (1875-1934), kvankam tre aktiva kiel laringologo kaj ortofonisto, multe agadis movade, precipe antaŭ la mondmilito. Kelkajn jarojn li membris en la estraro de Pola E-ista Societo, kaj redaktis *Pola Esperantisto* (1908-1913). Li estis ano de la Lingva Komitato kaj korespondanto de la Akademio. Ankaŭ li verkis poemojn (*Mia liro*, 1909), sed plej talentis kiel tradukanto el la pola literaturo (la dramoj *Aspazio* de Świętochowski, *Protesilas kaj Laodamia* de Wyspiański, 1908). Post la morto de Ludoviko li sentis devon disvastigi liajn homaranismajn ideojn. Al tio servis la societo Konkordo, fondita kun aliaj familianoj en 1920, kun sidejo en la iama akceptejo de Zamenhof.

En la 30-aj jaroj ekregis en Germanio naziismo, kaj sekve eksplodis la kataklisma dua mondmilito. Inter la ekstermitaj senkulpaj milionoj troviĝis Zamenhof-familianoj. Post la enmarŝo de la nazioj al Varsovio, la Zamenhof-filinoj Lidja kaj Zofia, kaj la filo Adam kun sia edzino Wanda estis arestitaj.

Adamon Zamenhof (1888-1940), kiu estis eminenta oftalmologo, hospitalestro, bona esperantisto kaj homo sentema pri arto, oni mortpafis, plej verŝajne fine de januaro 1940, kune kun cento da eminentaj intelektuloj kaj politikistoj, en la arbarego Palmiry apud Varsovio.

Lidja kaj Zofia estis liberigitaj post kelkaj semajnoj, sed nur por kunsperti la sorton de siaj samgentanoj en la Varsovia getto. Ĉe la likvido de la getto, komencita en julio 1942, ambaŭ estis transportitaj al la murdkoncentrejo Treblinka kaj tie gasumitaj. Zofia-n (n. 1889) oni murdis la 8-an de aŭgusto, kun la plej juna fratino de d-ro Zamenhof, Ida Zimmerman (1879), kaj Lidja-n (1904) la 8-an de septembro. Lidja estus 90-jara la 29-an de januaro 1994.

Post la fino de la milito d-rino Wanda Zamenhof (1893-1954) provis ĉiuforte anstataŭi la pereintajn familianojn. Esperantisto ekde la junaĝo, ŝi jam partoprenis la 4-an UK en 1908. Ŝi aktivis en la renaskiĝanta pola movado postmilita, sed bedaŭrinde pereis pro stratakcidento la 30-an de julio 1954, antaŭ 40 jaroj. Ŝian agadon daŭrigas ŝia filo, d-ro Louis C. Zaleski-Zamenhof (Ludoviko en la foto maldekstre).

Fine, ni menciu ke la 6-an de decembro ĉi-jare pasas 70 jaroj post la morto de Klara Zamenhof (1863-1924). Ekde la konatiĝo kun Zamenhof ŝi plene dediĉis sin al li kaj lia idealo. Ŝi certe apartenis al la plej fruaj konversaciantoj en la nova lingvo kaj akompanis sian edzon al ĉiuj UK-oj kaj aliaj aranĝoj. Ŝi plej senteme flegis sian fizike ĉiam malfortan edzon, kaj funkciis kiel lia sekretariino, pli precize kiel organizanto de la tuta administra laboro.

Post la morto de Zamenhof (1917) ŝi intensigis sian E-aktivadon kaj partoprenis la postmilitajn UK-ojn (krom la Haga, 1920) kun granda respondeco pri la estonteco de la movado. La esperantistoj, kiuj sendadis al ŝi amase leterojn kaj petis konsilojn, tute prave nomis ŝin Patrino de Esperanto.

Oni ne preterlasu nerimarkite ĉi tiujn datrevenojn. Ankaŭ per la honorigo de tiuj kiuj sindediĉe fundamentis nian lingvon, interalie la Zamenhof-familianoj, ni formas pli firman bazon de la E-movado.

**Zofia Banet-Fornalowa (Pollando)**

---

**oktobra elsendo. Vi povas helpi la Esperantan voĉon de Sarajevo per kontribuoj al la UEA-konto "elbh-j", indikante "por radio-elsendo".**

– Esperantistoj de la franca urbo Saint-Nazaire starigis dum la milito interesajn kontaktojn kun Sarajevaj esperantistoj. Ilia kutimo estas longaj afiŝ-leteroj, skribitaj per grafito. La lasta, ricevita antaŭ du semajnoj, longas je 195 kaj larĝas je 65 centimetroj. Sprite kaj originale, ĉu ne?

– S-ino Diana Babec el Germanio, kiu ne sukcesis atingi Sarajevon kun la pac-karavano "Per amo al paco", tamen liveris al Sarajevaj esperantistoj, krom salutoj kaj bondeziroj, ankaŭ semerojn por diversaj legomoj.

– Nia itala aŭskultanto s-ro Girolamo Lucchetta telefonis al nia redakcio kaj konfirmis ke li bone kaptas nian elsendon je mezaj ondolongoj. [Li] informis ke la parolistoj havas plaĉan voĉon kaj ke la lingvaĵo estas ĝusta kaj plene komprenebla.

– Telefonis ankaŭ f-ino Sanja Bokulić el Rijeka (Kroatio) kaj petis informojn pri la farto kaj stato de siaj esperantistaj geamikoj en Sarajevo. Ni volonte respondos tiajn demandojn pere de niaj radio-ondoj.

– Helpe de la E-societoj de Sarajevo kaj Saint-Nazaire, infanoj el la Sarajeva infanĝardeno "Paŝoj" interŝanĝis desegnaĵojn kun siaj francaj samaĝuloj. Inter la desegnaĵoj estis ankaŭ la domo de knabineto Belma. Kiam ŝi estis vundita, antaŭ du jaroj, de agresinta grenado, ŝi demandis: "Panjo, ĉu mi estas morta?"

– Dank' al subteno de la Konto Espero de UEA Sarajevaj e-istoj ricevis ĉi-semajne pakaĵojn kun diversaj nutraĵoj. La pakaĵoj estis liveritaj tra germana sekcio de la humanitara [homhelpa] organizaĵo ADRA funkcianta kadre de la adventista eklezio.

– Karaj geaŭskultantoj, kontaktojn kun ni vi povas realigi nun ankaŭ per telefaksilo ĉe Radio Sarajevo, +387/71/455-141. Bv. konsideri ke ĝi pro komunikaj malfacilaĵoj kaj troŝarĝiĝo iam estas ekster funkcio. Indiku "por Esperanto-redakcio". Ĝis reaŭdo!

**Legis Azra Čolić kaj Zijo Ajdinović; redaktis Mustafa Resulović**

*Lingvo:*

# Pri la reviziado de PIV

Jam de kelka tempo estas anoncita revizio de *Plena Ilustrita Vortaro* cele al plibonigita reeldono. La ĉi-postaj informoj celas kontentigi la scivolon de multaj personoj pri tiu projekto.

La laboro kiun la Plenumkomitato de Sennacieca Asocio Tutmonda konfidis al mi, efektiviĝas danke al la arĥivo de Gaston Waringhien kaj al la kontribuoj de ĉirkaŭ dudek kunlaborantoj, kiuj akceptis pritrakti diversajn fakojn, al kio aldoniĝas la rimarkoj kaj proponoj de pluraj dekoj da homoj kaj organizaĵoj, kiuj skribis kaj plu skribas por mencii iun evidentan eraron aŭ iun detalon kun kiu ili ial ne konsentas. Pri la teknika flanko de la entrepreno (t.e. la komputila traktado) zorgas Claude Roux.

Tiu revizio tute ne celas reverki la vortaron, sed nur ĝin plibonigi. Kiamaniere?

1. Per inkluzivigo de la ĝisnuna *Suplemento* en la vortaron kaj konsekvence de la modifoj kiujn ĝi preskribas.

2. Per korekto de la preseraroj kaj de la lingvaj malglataĵoj.

3. Per korekto de la nekoheraĵoj. Al tiu kategorio apartenas la vortoj uzataj en difinoj aŭ referencoj, sed ne havantaj lokon en la artikolaro, aŭ la vortoj kiuj en la vortaro aperas — pro neatento — sub konkurencaj formoj.

4. Per korekto de neĝustaj kaj neĝisdataj difinoj. Kompreneble multaj tiukategoriaj modifoj fontas el la politikaj ŝanĝoj de la pasintaj jaroj.

5. Per ĝisdatigo de la fakaj-sciencaj terminoj, kio inkluzivas kaj revizion de iliaj difinoj kaj enkondukon de novaj terminoj. Tio koncernos tre diversajn fakojn, kiel matematiko, informadiko, ekologio, muziko, konstrutekniko, zoologio, botaniko kaj multaj aliaj.

**Michel Duc Goninaz (Francio)**




*Post kvarona jarcento, estas tempo remalfermi PIV.*

*Filatelo:*

# Dulingvaj stampoj

Kiel sciate, la 10-a UK en Parizo ne okazis, pro la eksplodo de la unua mondmilito. Tamen, la 2-an de aŭgusto, en la unua kongrestago, la




pordoj staris malfermitaj de la 10-a ĝis la 12-a horo, kiam la polico ĉesigis la kongreson kaj arestis la esperantistojn el Germanio kaj Aŭstrio-Hungario. Sekve, apenaŭ du horojn funkciis la kongresa poŝtoficejo, kaj la kovertoj aŭ kartoj kiujn ĝi stampis per la vorto "Esperanto", estas raraĵoj. Jean Amouroux (1 rue de Sorède, FR-66100 Perpignan, Francio), provas registri ilin kaj atendas ĉiajn informojn.

80 jarojn post tiu grava evento, jam la 62-an fojon estis uzata en Francio poŝta stampo reklamanta Esperanton: inter la 1-a de jul. kaj la 30-a de sept. en Chambéry oni stampis min. 16 milionojn da poŝtaĵoj per la dulingva teksto "Esperanto. Mi estas dulingva. Kaj vi?". Rimarkindas ke ĉiuj 61 pli fruaj francaj stampoj ne propagandis rekte por la lingvo, sed reklamis iun E-eventon.

En Perpinjano oni uzos la saman stampon dum tri monatoj ekde la 15-a de dec. Jean Amouroux volonte poŝtos kovertojn kaj kartojn tiel stampotajn, kiujn oni sendu al li sufiĉe afrankitaj per francaj poŝtmarkoj aŭ kun internaciaj respondkuponoj.

Ankaŭ en Ĉeĥio oftas la porokazaj poŝtaj E-stampoj: oni uzis unu okaze de la komuna Ĉeĥa-Germana Kongreso en Karlovy Vary (1993) kaj du por la 67-a SAT-kongreso en Strážnice (1994). Ankaŭ la plej freŝa stampo uziĝas en Strážnice, dum du monatoj ĝis la jarfino: ĝi memorigas la fondon de Ĉeha E-Asocio antaŭ 25 jaroj. Informas ESPERANTO, pk. 36, CZ-696 62 Strážnice.

Pri tiaj kaj aliaj filatelaj novaĵoj oni povas legi en la jartriona *La Verda Lupeo* de E-Ligo Filatelista, (Rudolf Burmeister, Max-Müller-Str. 62, DE-09123 Chemnitz, Germanio).

**Laŭ raportoj de Raymond Boré (Francio) kaj Vladislav Hasala (Ĉeĥio)**



# Reagoj



## Tro 'stas tro: Pledo por ĉesigo de la bataloj inter esperantistoj

En la historio de Esperanto ekestis diversaj "skoloj". Skoloj povas esti bonaj, kiam ili alportas freŝan aeron, novan elanon, novan artan malfermiĝon.

Sed, mi petas, ĉesu la bataloj, la incitoj, la provokoj, la anatemoj, la personaj atakoj. Ni ne estas tiel multnombraj ke ni povus elteni multajn ŝtormojn, eĉ en akvoglaso. Tiom da perditaj mono, papero, fortoj, energioj, tempo, por senutilaj donkiĥotaĵoj. En tiaj aferoj, kia estas la kredebleco de Esperanto antaŭ la cetera publiko? Kiel aspektus tiuj ĉikanaĵoj, se iam la lingvo estus adoptita de unu, pluraj aŭ ĉiuj internaciaj organizaĵoj?

Ideoj pri la lingvo, pri gramatika tiklaĵo, pri literaturo kaj ĝia funkcio povas esti malsamaj. Sed Esperantio/Esperantujo estas demokrata socio, en kiu ĉiu rajtas ricevi almenaŭ respekton. Anstataŭ procesoj, presitaj militoj, mi multe preferus ĉirkaŭtablan babiladon, kunan studadon, reciprokan komprenemon.

Do, mi petas, ĉu Akademi-isto, ĉu Iltis-isto, ĉu Paderborn-isto, ĉu LF-isto, ĉu EVA-isto aŭ PEN-klub-isto, ĉu Piron-isto, ĉu Ergot-isto, ĉu Golden-isto, ĉu Ŝulc-isto ktp, *repaciĝu*. Vi ĉiuj batalas por la sama celo. Anstataŭ batali unu kontraŭ la alia, batalu kune por la bono de Esperanto, de ĝia ideo, de ĝia estonto, de ĝia literaturo, de ĝia kulturo, de la Esperanto-komunumo. Mi dankas.

Vundita Esperantisto
(Philippe Cousson, Francio)

## Trezoro ne por ludi

Leginte la artikolon de Á. Rátkai (majo, p. 90), mi denove konvinkiĝis ke neniam mankas novaj ideoj en Esperantio: pri la simbolo, la flago, la prononco, la gramatiko, la supersignoj — sed mi bedaŭras pensante kiom da jaroj ni devos atendi ĝis Esperanto estos pli ol rendevuejo de stranguloj. D-ro Zamenhofo donis al ni la trezoron de Esperanto ne por ke ni ludu, aranĝu seminariojn kaj batalu pri literaturaj teorioj, sed por aliaj celoj.

Ni ofte propagandas ke Esperanto estas uzata "en pli ol cent landoj" (ĉu tio kontentigas nin?), sed ofte ĝi estas uzata nur inter kelkaj asocianoj, kaj eĉ ili mem havas multe da demandoj rilate la universalecon de Esperanto: kiel do ili disvastigos nian internacian lingvon?

Anstataŭ disputi pri la kompleksigado de la "filozofio", ni cerbumu kiel plinombrigi la grandan familion, kiel simpligi la uzadon mem, por ke pli kaj pli da homoj de riĉaj kaj malriĉaj landoj egale lernu ĝin je praktika nivelo.

Pri la pretendata bezono de simbolo mi enmetas nevaran [popolo en Nepalo] proverbon: "oro ne bezonas tegilon".

Razen Manandhar (Nepalo)

## Malfermita medio

Mi ne konsentas pri la ideo ke esperantismo povas esti sekto (N. Gudskov, jun., p. 113). Por mi sekto estas fermita medio, grupo de anoj kies estro ĝenerale profitas de la laboro de aliaj. Esperantismo estas malfermita medio, kiu akceptas ĉiujn personojn kiuj deziras interkompreniĝi kaj lernas la lingvon Esperanto.

Mi regule pagas kotizojn al UFE [Unuiĝo Franca por E-o], UEA, eĉ al Societo Zamenhof, kaj mi opinias ke ties estraroj ne profitas persone de tiu mono.

Odette Bernet (Francio)

## Kial la silento?

Kial neniu en Esperantujo diris eĉ nur unu vorton pri la pretendata neŭtralismo de la transnacia Radikala Partio, per kies balotoj, danke al Marco Pannella, elektiĝis la registaro de Silvio Berlusconi kun siaj novfaŝismaj ministroj? Kial silentas ERA: "Esperanto" Radikala Asocio?

Georgo Kamaĉo (Hispanio)

*Biblioteko Hodler:*

# Atentu la kolofonon!

Unu el la malnovaj argumentoj kontraŭ la internacia lingvo estas ke "Esperanto malhavas kulturon". Kiu ajn vizitas la Bibliotekon Hodler en la Centra Oficejo de UEA, ekscias en malpli ol unu horo ke tiu aserto estas malvera. Eĉ, oni povas miri ke la konstruaĵo de la CO sufiĉe fortikas por elteni la paperan pezon de tiom da kulturo!

Tunojn el tio konsistigas la amaso da periodaĵoj, kreskinta en 107 jaroj. Pri la enhavo de tiu kolekto komprene ble ekzistas listoj kaj sliparo. Sed nun ni ja disponas pli bonan, pli facile mastreblan ilon, kiu — krom konservado — povas malfermi la enhavon por uzado. Kiel volontulo mi eklaboris pri la tasko de tiu komputila registrado antaŭ preskaŭ tri jaroj, kaj ĝi estas tiel ampleksa ke mi certe ne ĝisvivos la finon.

La tuta aro da periodaĵoj estas ege interesa, ĉar ĝi spegulas same la Esperantujan kiel la mondan historion. La malnovaj revuoj atestas bone ankaŭ la cirkonstancojn en kiuj la eldonantoj devis labori.

Sed la registra laboro povus esti pli facila, se la redaktoroj estus ĉiam bone prizorgintaj la anguleton de eldon-indikoj: la *kolofonon*. Kelkaj eĉ ne sentis la bezonon mencii la jaron de apero! Jen do mia grava peto al ĉiuj kiuj eldonas periodaĵojn:

Metu E-lingvan kolofonon eĉ en viajn nacilingvajn periodaĵojn (propagandajn); plej bone sur la unuan, duan aŭ lastan paĝon. La kolofono necese enhavu la numeron de la jarkolekto, la vicnumeron en la jaro, plus la jaron kaj la monaton en kiu ĝi estas eldonata (pripensu ke nomo de sezono ne taŭgas pro ĝia malsameco en la du hemisferoj). Same gravas la nomo de la eldonanto. Grava povas esti ankaŭ la urbo kaj la lando en kiu la periodaĵo aperas.

Mi invitas la eldonantojn kaj -ontojn uzi la proponitan metodon; ne nur la volontulo en la CO estos danka!

Bart Ruigrok
Volontulo de Bibloteko Hodler

# Recenzoj



## Eble soleca, sed abunde krea

**Cent jaroj da soleco** (1967). Gabriel García Márquez. Trad. el la hispana Fernando de Diego. Chapecó: Fonto, 1992. 372p. 21cm. Bind. Prefaco de Georgo Kamaĉo. Serio Oriento-Okcidento n-ro 27. 57,60 gld.

Mi memoras ke dum literatura kurso en la fruaj sesdekaj jaroj oni serioze proponis al ni la penson ke "la romano estas mortinta artformo". Nu, la apero en 1967 de *Cent jaroj da soleco*, tre baldaŭ tradukita el la hispana en multajn aliajn lingvojn, unubate metis finon al tiu tro frua nekrologo. "Magia realismo", de kiu ĝuste tiu libro de García Márquez estas rigardata la klasika ekzemplo, eniris la literaturistan terminaron kaj levis sudamerikajn verkojn al la pinto de monda populareco.

### Magia realismo

"Magia realismo" konsistas ĉefe el tio ke la aŭtoro enkondukas "magian" aŭ preternormalan elementon, sed kun tiom da realismaj detaloj ke fine la leganto kun parto de la cerbo kredas je ĝi. Unu ekzemplo sufiĉu. Sur unu nivelo la romano estas kroniko de la generacioj de la familio Buendía, loĝantoj de Macondo, mondfora vilaĝo ie apud ŝlimejo en nenomita karibia lando. Úrsula, la prapatrino de la familio, timis dum longa tempo amori kun sia edzo, parenco ŝia, ĉar tia unuiĝo produktus idojn kun porka vosto. La leganto emas prirideti tiun superstiĉon, sed la aŭtoro ne; li senkomente memorigas pri tiu timo tra ĉiuj generacioj. La plej lasta ido de la familio fakte naskiĝas kun porka vosto, kio ne plu ŝajnas nekredebla.

> *La apero en 1967 de* Cent jaroj da soleco *unubate metis finon al la tro frua nekrologo de romano kiel artformo.*

Tiaj "magiaj" elementoj abundas, kaj povas esti ke multaj legantoj ekdemandas sin ĉu la "griza ĉiutaga realismo" estas la sola dimensio de nia ekzisto. Ĉu ne eblas ke plago de insomnio (nekapablo dormi) trafu tutan vilaĝon? Ĉu vere ne eblas ke pluvu konstante dum pli ol kvar jaroj, aŭ ke sekeco same longe daŭru, aŭ ke svarmo da papilioj ĉiam sekvu amaton?

### Ne nur magiaĵoj

Kiel ajn gravas magia realismo, ĝi sola apenaŭ klarigus la internacian renomon kaj sorĉon de la verko. Márquez estas kolombiano, kaj la violenta historio de tiu lando estas verve spegulata en la priskriboj de la konfuzmotivaj kaj sangaj konfliktoj de konservativuloj kaj liberaluloj, kaj de la ekspluatado de Macond-anoj far usona bananeksporta kompanio. La priskribo de la masakro, poste oficiale prisilentata, de tri mil sendefendaj homoj far soldatoj pagataj de la usonanoj kaj la landa registaro, estas sangohaltiga majstraĵo.

Márquez enkondukis magion ne pro manko de solidaj konoj de la tridimensia mondo; oni vere sentas la materiajn ŝanĝiĝojn okazantajn en la evoluo de Macondo, kiu konstante ricevas sciojn kaj ilojn el la ekstera mondo. Sed eble la daŭra valoro de la libro estas la galerio da memorindaj portretoj de la scivolaj, ĝuavidaj, sentemaj, brutalaj, rigidaj, naivaj – kaj ĉiam solecaj – familianoj.

Márquez estas mem probable soleca homo, kiu vivas en grandaj urboj kaj bezonas solecon, aŭ almenaŭ longajn periodojn de solestado, por verki. Ĉu lia tezo, ke ni ĉiuj vivas solecaj, validas pri antaŭindustriaj komunumoj – kia Macondo ja estas?

Sed se la vivo estas soleca, Márquez per sia krea genio certe trovis unu manieron doni koloron al tiu laŭaserte griza ekzisto.

### La traduko

Ni ŝuldas dankon al Fonto kaj al de Diego, ke pro liaj kapablo kaj diligenta laboro ni havas tiun epokofaran libron en nia lingvo. Antaŭ nelonge mi ĝue legis alian tradukon de de Diego, *La arbo de la sciado*; tamen la vortelekto en *Cent jaroj da soleco* provokas komentojn.

La disputo pri neologismoj probable daŭros eterne. Laŭ mi la "ora mezo" estas la plej saĝa sinteno: jes, neologismoj estas bezonataj, sed aparte en *internacia* lingvo enkondukendaj nur kiam vere estas bezono.

De Diego uzas, mi kredas, *malsano*, sed neniun alian *mal*-vorton (eble rolas ke *mal* signifas "malbona" en la latinidaj lingvoj). Mi estas hejme en la okcidenteŭropaj lingvoj kaj rekonis tuj *hati, dista, dirta, lanta, vanui, desperi, poka, mava* ktp. (la slava *mokra* unue iom pensigis min). Mi preferus scii kiel aziano aŭ afrikano reagas al tiaj vortoj. Se Esperanto iam atingos sian celon, tiuj homoj estos nia plimulto.

Alia fonto de neologismoj estas iu sento ke Esperanto bezonas pli da sinonimoj. En tiu ĉi traduko ni trovas *supliki* (petegi), *repliki* (respondi), *desastro* (katastrofo) ktp. Ĉu nia lingvo vere bezonas tiajn vortojn, mi dubas. Relative limigita vortostoko kun mirinde elasta aro da vortfariloj *ne*, laŭ mia sperto, malriĉigas Esperanton. La plej eleganta frazo en *Cent jaroj da soleco* estas el la Prefaco de Georgo Kamaĉo: "... plej eta epizodo aŭ incidento resumas kaj reflektas pli vastan on." Jen ĝuste la mala direkto de la neologisma.

Plej ĝenas du vortoj tre oftaj. De Diego uzas *noktomezo* sed ne la same multon-diran, sonoran *tagmezo*, kiu fariĝas la nenion-signifa, malsonora *mido*. Tamen la plej grava peko estas *nul* anstataŭ *neniu(n)*: "... por ke nul ĝenu lin en ties eksperimentoj ... nul homo aĝis pli ol tridek jarojn ... ŝi trovis nul dirton ..." ktp. Kio pri la simetrio de la korelativoj: *iu, kiu, neniu, ĉiu, tiu*? Krome, *nul(o)* jam havas propran signifon. Tiaj lingvaj eksperimentoj estus pravigeblaj nur se ili spegulus similajn de García Márquez en la hispana. Ĉu tiel estas?

*Resume*: libro nepre leginda, sed la ja talenta tradukinto havas lingvajn konceptojn kiujn mi ne akceptas.

**Trevor Steele (Aŭstralio)**

# Groteska tirano, elstara stilo

**Tirano Banderas.** Ramón del Valle-Inclán (1866-1936). El la hispana trad. Fernando de Diego. Madrid: HEF, 1993. 247p. 18cm. 18,00 gld.

Ĉi romano el 1926 prezentas en burleska formo diktaturon de klasike latinamerika tipo kun ties kruelaĵoj, flato kaj perfido, profitado kaj opresado. Ĝia esenca temo estas la karaktero kaj sorto de homoj vivantaj en tiaj kondiĉoj. Valle-Inclán estas konsiderata kiel unu el la plej gravaj hispanaj verkistoj de nia jarcento, avangardulo anticipanta la absurdisman teatron kaj la hispanamerikan "magian" realismon.

La rakontmaniero en *Tirano Banderas* estas parte impresionisma. El vico da scenoj, ofte mallongaj, kelkaj disvolvas vivan, eventoplenan agadon, dum aliaj prefere montras econ kaj sintenon de la rolantoj. En tiuj lastaj troviĝas — por mia gusto — iom tro da grotesko kaj karikaturo, kio por Valle-Inclán karakterizas propran ĝenron, nomatan *esperpento*. Lia teksto ofte esprimas ankaŭ opinion, polemikon, prijuĝon; mi pli ŝatus se restus al la leganto fari tiajn. Plej plaĉas al mi kiam la aŭtoro koncize, trafe scenigas la vivon de malriĉuloj, indianoj, ribelantoj, prizonuloj kaj viktimoj de la diktaturo.

Grafikaĵo de Begoña Valén



*Grotesko kaj karikaturo por Valle-Inclán karakterizas propran ĝenron:* esperpento.

La lingvaĵo de Fernando de Diego legiĝas kun granda ĝuo, kaj mi rimarkas relative malmulte de la obstakloj kiujn li devis superi por esperantigi la romanon. En antaŭparolo Antonio Valén asertas ke eĉ por hispano ĉi traduko pli facile legeblas ol la lingve komplika originalo, kaj mi ne vidas kaŭzon dubi pri tio.

De Diego foje esprimis ideojn pri lingva evoluo kaj stilo, el kiuj kelkajn mi trovas nur bizaraj, dum aliajn mi aprobas — almenaŭ duone! Li krome havas reputacion uzi komplikan lingvaĵon farĉitan per amaso da neologismoj. Estus domaĝe se pro tio homoj evitus liajn tradukojn, ĉar malgraŭ tiu reputacio kaj malgraŭ ideoj foje ekstremaj li estas elstara stilisto, tia kian ni bezonus dudekope! Lia lingvaĵo ofte estas pli flua, kaj foje pli simpla, ol tiu de multaj kiuj lin akuzas pri lingva herezo. Pro tio mi emas pardoni al li multon, i.a. lian senbazan "malofobion", preskaŭ monomanian. En *Tirano Banderas* la lingvaĵo varias de simpla, klara kaj konciza ĝis bombasta, baroka, depende de tio kiaj homoj ĉefrolas en la koncerna sceno, kio sendube spegulas la originalon.

Komparante la tekston kun sveda traduko kaj kun la originalo mi — eĉ sciante nur grajnon da hispana — facile konstatis ke de Diego pli fidele sekvas la originalon. Foje tro fidele, kio kondukis lin al ne tre internacia frazo aŭ vortformo. *La hispana kazino — kiĉoj, orumitaj lampoj, pompaĉaj modluroj — vibris kongesta kaj bruska, resonis fanfarona.* Tio paŭsas la originalon, sed ĉu bonefike? Plue *ento da racio* sendube tre fidelas al *ente de razón*, sed kiel ni ĝin komprenu? "Fikcio"? "Preteksto"? "Motivo"? "Elpensaĵo"?

La supraj demandoj ne estas la solaj kritikeblaj punktoj, sed sume kaj resume Fernando de Diego prezentas en Esperanta vesto verkon tre altkvalitan kaj legindan.

**Sten Johansson (Svedio)**

# Komizo en krizo

**La malica komizo.** Wenceslao Fernández-Flórez (1885-1964). El la hispana trad. Fernando de Diego. Jekaterinburg: Sezonoj, 1993. 166p. 20cm. Bind. 15,00 gld.

*La malica komizo* estas malgranda romano el 1931, kiu milde tuŝas la tiutempe aktualajn problemojn en la socio, ĉefe la senlaborecon, la ekonomian krizon.

Fernández-Flórez laŭ mia enciklopedio estis ĉefe aŭtoro de iom humuraj gazetartikoletoj. En ili li interpretis la aktualaĵojn satiratone: ne akre, sed ridet-ekscite, kun milda ironio. En *La malica komizo* li sin montras tute simila.

En la libro ni sekvas la peripetiojn de Carabel, iom senfantazia sed tre bonkonduta komizo, kiu subite perdas la certecon sub siaj plandoj: kulpas la tutmonde ĥaosa ekonomio. Li decidas — kaj tio estas plenhele konscia decido — ke li fariĝos malica, ĉar ŝajne la vivo postulas tion. Li ne plu obeos normojn kaj valorojn moralajn. Estas amuze ĉeesti tiun lian odiseadon. Supozeble mi ne malkaŝas tro, se mi aldonas ke fine de la libro tamen li retrovas la "ĝustan" vojon.

En si mem ne temas pri grande signifa verko, kaj oni povas demandi sin kial la tradukinto, kiu ja tiel lertas nialingve kaj regalis nin jam ofte per brilaj tradukoj de vere *gravaj* verkoj, preferis ĉi-foje traduki ĝuste ĉi tiun verketon. Eventuale pro tio kion li antaŭparole diras: nome ke ĉi libro montras "ke oni povas krei interes-kaptan etoson sen helpi sin per kruda aŭ snoba pornografio, per violentaj scenoj kaj sangaj brutalaĵoj, aŭ per frida, intelekta senmoraleco laŭ la maniero de Sartre".

La traduko, kiel atendeble ĉe de Diego, estas bonstila, kvankam iom agacas la ripeta rifuzo uzi "normalajn" *mal*-vortojn; estus ja multe pli agrable iomete alternadi. Entute: plaĉa libreto rekomendinda por via distro.

**Gerrit Berveling (Nederlando)**

*La diligenta kolegaro:*

# *LF* kaj *LPLP*: Du daŭraj orientiloj

**La sigloj LF kaj LPLP apartenas al la plej konataj mallongigoj en Esperanto: *Literatura Foiro*, resp. *Lingvaj Problemoj kaj Lingvo-Planado*. En nia rubriko kunigas ilin la koincido de kvaronjarcenta jubileo: *LF* (startinta en junio 1970) eniris ĉi-jare sian 25-an jarkolekton, kaj ankaŭ *LPLP* ekis antaŭ 25 jaroj (fakte, jam en decembro 1968). Dum la lingvopolitika revuo naskiĝis por firmigi la prestiĝon de E-o "en la ŝlosilaj pozicioj de la kultura vivo" (Lapenna), *Literatura Foiro* celas servi kiel forumo de la Esperanta kultura vivo mem. Pri *LF* respondas redakciano Giorgio Silfer.**

## Pli ol esperantista periodaĵo

*La revuo* Literatura Foiro *festas duoblan jubileon: 25-a jaro kaj 150-a numero. Daŭro pli longa ol tiu de* Literatura Mondo *aŭ* Norda Prismo, *kiuj cetere suferis pro eldonpaŭzoj. Al kiuj kaj kio dankeblas tiu ĉi sukceso?*

Al la sindonemo de la redakcio, subtenata de la reto de kunlaborantoj, perantoj kaj helpantoj kiun la kooperativo sukcesis starigi en la mondo. Kaj al la konstanta allogo, forma kaj enhava, de la produkto: ni sukcesis krei kulturan revuon en Esperanto, ne nur Esperanto-revuon, kaj certe pli ol esperantistan periodaĵon.

*Ĉu distingeblas periodoj ene de tiu kvaronjarcento?*

La plej grava mejloŝtono estis en 1980, kiam ĉesis la jardeko de La Patrolo (la itala literatura rondo kies organo *LF* estis) kaj fondiĝis LF-koop: tio koincidis ankaŭ kun la ŝanĝo de la ĉefredaktoro — Perla Martinelli post Giorgio Silfer. Minoraj dividoj estas la Milana periodo (1970-75), la finna (1976-78), la Ĉaŭdefona (La Chaux-de-Fonds; 1979-82), la Ĝeneva (1983-84) kaj la lombarda (de 1985 ĝis nun).

*Kiel disvolviĝas la redakteja laboro? Kian rolon havas la redakta kaj la grafika staboj?*

Delonge ekzistas forta integriĝo inter ambaŭ, interalie ĉar la ĉefredaktoro kaj la arta direktoro koincidas en la sama persono. Dum la lastaj jaroj ni strebis trejnadi niajn kunlaborantojn, ankaŭ per staĝoj ĉe nia grafika servo. Danke al informadiko kaj telematiko ni baldaŭ malcentralizos nian laboron ĝis grado nekutima en Esperantio.

*Ĉu LF sukcesas speguli/influi la Esperantan kulturon? Se influi, do kiusence?*

Ni sekvas la Raŭman vojon, kiu kondukas al la atento pri la dialektika rilato inter nia mikrosocio kaj la makrosocio (prefere ol varti iun teorian internaciecon laŭ UN-skemoj) kaj paralele gvidas al la valorigo de la kulturo (literatura,



*Ĉefredaktoro Perla Ari Martinelli, en karikaturo de Giancarlo Mangini (© LF-koop, Svislando)*

muzika, bilda) kies radikoj ĉerpas el la konstato ke esperantisteco rolas kvazaŭ la aparteno al mem-elektita diaspora lingva minoritato.

*Raŭmismo, LF-koop, Esperanta PEN-Centro, LF. Kiel ordigi en ĝusta skemo tiujn nociojn kiuj sin elvokas?*

LF-koop estas la eldonejo, jure registrita en Svislando, kiu interalie produktas *LF*-on; kaj malgraŭ la kresko de la merkato, de jaro al jaro (pro la ceteraj varoj kaj servoj: libroj, kasedoj, diskoj, filmoj, kongresoj...) *LF* okupas malkreskantan procenton en la tuta spezaro de LF-koop: el la 79% de 1980 ni pasis al la 41% de 1993 (sen konsidero pri la kolektivaj membroj, kiel Societo Yvonne Martinot — memstara administranto de nia internacia staĝejo La Kvinpetalo kaj nia filio por Francio —, kies bilanco pli kaj pli kreskas).

Esperanta PEN-Centro estas sendependa establo, fondita en 1991 de kelkaj LF-kooperantoj: ĝi estis akceptita en 1993 kiel plenrajta membro de Internacia PEN-Klubo danke al la raŭmisma argumentado de ĝiaj delegitoj. Ekzistas komuna lingvokoncepto ĉe la membroj de PEN kaj la LF-kooperantoj: laŭ ili, Esperanto ne estas internacia helplingvo, sed transnacia kulturlingvo. Tio fakte estas la kvintesenco de raŭmismo rilate al la lingvo.

*Ĉu vi perceptas konkurencon de aliaj kulturaj E-revuoj?*

Bedaŭrinde ne. Post la ĉeso de *Hungara Vivo* ni ne vidas veran konkurencon al *LF*. Certagrade, pro la ĵusa aborto de *Norda Prismo* kvara kaj la persista miskontinueco de *Fonto*, la panoramo ŝajnas eĉ pli senkonkurenca ol antaŭ dek jaroj.

*Kiom da ekzempleroj vi presas? Kaj kiom da abonantoj vi havas?*

Nuntempe, minimume 1200. Lastatempa rekordo estis *LF* 146 (oktobro 1993), dediĉita al la agnosko de Esperanto ĉe Internacia PEN-Klubo: 1800 ekzempleroj. La abonantoj estas iom pli ol mil.

*Kiaj planoj, kiaj ŝanĝoj post la 150-a numero?*

*LF* potencigos sian redaktan stabon ekde decembro 1994. Perla Martinelli havos la specifan helpon de asista redaktoro (Marco Picasso) kaj de monografia redaktoro (Ljubomir Trifonĉovski). Ankaŭ pri la enhavo estos pozitivaj surprizoj; *Literatura Foiro* tamen restos fidela al sia rolo de fenestro al la panoramo de la Esperanto-kulturo. ★

*Dankon al Marco Picasso pro kunlaboro.*

## Kreskejo de sciencobranĉo

Kiam la antaŭulo de la nuna *Language Problems and Language Planning* ("Lingvaj Problemoj kaj Lingvo-Planado") estis lanĉita de la Centro de Esploro kaj Dokumentado en decembro 1968, ĝi havis Esperantan titolon: *La Monda Lingvo-Problemo*. Ĝi forte ligiĝis al Esperanto ankaŭ organize: UEA financis kaj la tiama redaktoro de *Esperanto*, Victor Sadler, redaktis ĝin (ĝis 1974).

Ĉe la lanĉo Ivo Lapenna esprimis esperon ke la revuo "certe kaŭzos pluan interesiĝon pri la brulanta lingva problemo en la sekvantaj jaroj, ... kreos por ĝi novajn simpatiojn kaj altiros al Esperanto freŝajn intelektajn fortojn."




Ĉu tiel okazis? Ĉu *LPLP* kreskigis la prestiĝon de Esperanto en lingvosciencaj rondoj? Nu, tio malfacile mezureblas; sed sendube centoj da lingvistoj, interesataj de tiu nova subfako de sociolingvistiko, la lingvoplanado, venis en kontakton kun ĉi tiu fakte pli esperantisma ol Esperanta periodaĵo, kiu "bonvenigas kontribuojn en iu ajn lingvo" kaj akompanigas ilin per E-lingvaj resumoj.

Sed, verdire, pli ol la informada efiko gravas ke *LPLP* signife kontribuis ĝuste al la elkresko de lingvoplanado, sciencobranĉo tiom freŝdata ke eĉ ĝia nomo ne estas definitive fiksita. (Laŭ Pool [*Esperanto*, dec. 1977, p. 206], kiam *La Monda Lingvo-Problemo* renaskiĝis kiel *LPLP*, kun planata titolo egalranga en 12 lingvoj, nur pri ĝia franca traduko venis 26 *diversaj* proponoj de fakuloj!)

*LPLP* spertis plurajn transformiĝojn dum la 25 jaroj. Jam en la unua jaro ĝi akiris 586 abonantojn, sed post tiu elana starto sekvis periodo kun aperprokrasto kaj malkreskis la abonantaro. Tial, dum la redaktoreco de Richard E. Wood (1974-1985), nepriĝis ŝanĝoj en 1977: krom reguligo de la aperritmo, precipe larĝigo kaj aktivigo de la redakta komitato. La ĝis tiam 9-kapa, plimalpli simbola opo vastiĝis al 53 elstaraj fakuloj (i.a. Basil Bernstein, Joshua A. Fishman, Einar Haugen, Guy Héraud, Thomas A. Sebeok, Valter Tauli), kiuj konsentis prijuĝi manuskriptojn por la revuo.

En 1985 Humphrey Tonkin, tiam vicprezidanto de UEA, ekzorgis pri la revuo kiel administra redaktoro, kun helpo de recenza redaktoro Frank Nuessel. Tonkin ambiciis aperigi malpli da anglalingvaĵoj (malgraŭ tio, la angla iĝis kaj restas la "plej forta" lingvo de *LPLP*) kaj celis doni emfazan lokon al teoriaj artikoloj, al temoj kun internacia aspekto, kaj al problemoj lokaj sed ĝeneraligeblaj. Li kuracis denaskan malsanon de la revuo, forigante ĝian deficiton per lerta mastrumado.

Ekde 1990 *LPLP* aperas ĉe kaj koste de la Amsterdama eldonejo John Benjamins; UEA ĝin kompostas kontraŭ pago. Samjare kunredaktoroj Klaus Schubert kaj Probal Daŝgupto aliĝis al Tonkin. Daŝgupto reformulis la Tonkinan deziron pri pli da lingvoplanada teorio, kaj Schubert atentigis ke lingvoplanado ne nur koncernas evolu-landojn, sed tre aktualas en Orienta Eŭropo post ties ŝtormaj ŝanĝoj en 1989-90.

Post kvar pluaj jaroj tiuj redaktoraj celoj ankoraŭ ne povis tute plenumiĝi. Sed daŭre buntas la tema spektro: la tri numeroj de 1994 enhavas i.a. artikolojn pri multkulturismo en aŭstraliaj universitatoj (C. Bettoni kaj B. Leal), pri Flandrio (K. Deprez), kaj pri la jida lingvo en Novjorko (J. A. Fishman), kaj intervjuon kun Umberto Eco. ★

*Pri abonkondiĉoj de LPLP vidu la reklamon sur nia interna kovrilpaĝo.*

## La kvara ekbrilo de *Litova Stelo*

Jubileo apenaŭ rimarkita: en 1914, do antaŭ 80 jaroj, aperis la unua numero de *Litova Stelo*. Ĝi estis tre modesta, eldonita en la apudmara urbo Liepaja, kaj ne certas ĉu ĝin sekvis antaŭ la milit-eksplodo dua numero. Tamen, en 1922 la revuo reaperis, redaktata de la fama pioniro A. Dambrauskas (Dombrovski). Remortinte en 1926, *Litova Stelo* reviviĝis en 1935. En 1940 ĝi pereis, ĉar Soveta Unio, kiu aneksis Litovion, ne permesis ke E-movado pluvivu.

Sekvis longega paŭzo, sed en 1991, kiam la baltaj ŝtatoj reakiris sian sendependecon, revenis *Litova Stelo* — sesfoje jare kaj en pli bela vesto ol iam. Ĉiuj kontribuaĵoj de la nuna, kvara periodo estas E-lingvaj. Ili traktas temojn el la historio kaj kulturo de Litovio, sed aperas ankaŭ beletraĵoj kaj esperantologiaj studoj, ĉi tiuj precipe el la plumo de la ĉefredaktoro A. Vaitilavičius. (En 1995 la redaktadon transprenos Petras Čeliauskas.)

Alia serio, "Ekstercenzura Esperanta literaturo", liveras interesegajn detalojn pri la "subtera", praktike kontraŭleĝa aperigado de E-eldonaĵoj en Soveta Unio. Litovaj, rusaj, estonaj, ukrainaj esperantistoj spitis la cenzuron kaj kaŝe eldonis 13 literaturajn almanakojn kaj la revuojn *Unuiĝo* (42 n-roj), *Amikeco* (55) kaj *Kurte* (57). Laŭ statistiko el 1967, tiujare aperis ne malpli ol 37 "ekstercenzuraj" gazetoj!

Post la disfalo de Soveta Unio, *Litova Stelo* estas sendube la plej alloga revuo en ties iama teritorio. Ĝia celo estas evidenta: kontentigi la scivolon de eksterlandaj e-istoj pri Litovio — lando malgranda, sed dekomence ludanta elstaran rolon en la movada historio, kiel laste impone demonstris la malfermo de restaŭrita domo de Aleksandro Zilbernik, la dotema bopatro de Zamenhof.

**Ulrich Lins (Germanio)**

*Litova Stelo* estas abonebla per sendo de 20 gld. (6 numeroj) al la UEA-konto "litv-s", kun samtempa sciigo al Litova E-Asocio (p.d. 167, LT-3000 Kaunas).

# Persone



### Ĵelev: Prezidento pri Esperanto

Pri Eŭropo diskutis la 26-an de sept. en la urbodomo de Aĥeno (Germanio) la prezidento de Bulgario, Ĵelju Ĵelev, kun la germanaj Rita Süssmuth, parlament-estrino, Hans-Dietrich Genscher, eksministro pri eksterlandaj aferoj, kaj deputito Armin Laschet. Postdiskuta demando de e-isto Wolfgang Bienen temis pri Esperanto kiel lerneja fako kaj kiel lingvo por Eŭropo. Ĵelev respondis ke li mem lernis ĝin antaŭ 30 jaroj, ke libro lia aperis en Esperanto (*La faŝismo*, 1992), kaj ke li opinias Esperanton akceptebla kiel lingvo por Eŭropo – kvankam la plej multaj uzas la anglan. (W. Bienen)

### Umesao: Plej alta premio

Prof. Umesao Tadao, Honora Patrono de UEA kaj konsilanto de Japana E-Instituto, ricevis dum la japana "Tago de Kulturo", la 3-an de novembro, Ordenon de Kulturo, la plej superan ŝtatan premion pro kulturaj kaj sciencaj meritoj en Japanio. La 23-an de oktobro Umesao aperis antaŭ la japanaj e-istoj dum ilia 81-a Kongreso kaj dialoge kun prof. Tanaka Katukiko parolis pri "La civilizo en la 21-a jarcento kaj la vojo de Internacia Lingvo". (SIBAYAMA Z.)

### Polidori: Televida 100-jariĝo

Fanny Polidori, 100-jara itala esperantistino el Triesto, aperis la 3-an de oktobro en tutlande furora televidprogramo, kie ŝi prezentis sin mem kaj Esperanton kun juneca viglo. (*La Eta Gazeto*)

### Vlk: Esperantista kardinalo

La 31-an de okt. la Praga ĉefepiskopo Miloslav Vlk estis ordinita kardinalo en Vatikano. Antaŭ 40 jaroj li trapasis instruistan ekzamenon pri E-o kaj estris junularan E-organizon; laste li celebris meson en Esperanto dum renkontiĝo de katolikaj esperantistoj (Prago, 7-9 okt.). (J. Mařík)



### Verstraeten: Honora surprizo

La 79-jara Jules Verstraeten, tre malnova aktivulo de la Antverpena E-klubo La Verda Stelo, fariĝis ties Honora Prezidanto. Por la solenaĵo en la 30-a de septembro, pri kiu antaŭsciis ĉiuj krom Verstraeten (vidu liajn emocion kaj surpriziĝon fote), amasiĝis ĉ. 130 homoj, probable rekorda nombro en la historio de la klubo. Ĉeestis i.a. Grégoire Maertens, eksprezidanto de UEA, Simo Milojević, ĝenerala sekretario de UEA, Wim de Smet, prezidanto de Flandra E-Ligo, kaj Jo Haazen, prezidinto de La Verda Stelo. Okaze de la honorigo, establiĝis "Fondaĵo por la refreŝigo de la domo" (t.e. la sidejo de FEL kaj de la klubo), kiun jam en la unua semajno enfluis 100 mil frankoj (pli ol 5 mil gld.).

# Loke



### Aŭstralio: Liberpensa kalendaro

Stan C.W. Stokes (P.O.B. 189, Geebung, Qld., AU-4034, Aŭstralio) eldonas kaj vendas (po 10 aŭst. dolaroj = ĉ. 12 gld.) murkalendaron por "celebri la pluvivon de libera pensado tra la epokoj". La anglalingvaj komentoj plurloke omaĝas Esperanton kaj Zamenhof. Je ĉiu tago estas indikita la naskiĝdato de eminenta liberpensanto.

### Brazilo: Invito al inaŭguro

La kultura kaj filantropia organizo Legio de Bona Volo atendas pli ol cent mil homojn ĉe la solena inaŭguro de la Monda Parlamento de la Ekumena Frateco, la 25-an de decembro 1994 en Braziljo. Tie oni hisos la E-standardon inter ŝtataj flagoj, kaj E-o estos unu el la traduklingvoj.

### Francio: 125-a ZEO

La 125-an Zamenhof/Esperanto-Objekton de Francio oni inaŭguris la 24-an de sept. Nomŝildo de strato en Nimeso indikas: "D-ro Georges Salan (1901-1981), rezistanto, deportito, esperantisto". Salan eldonis siajn rememorojn pri francaj malliberejoj kaj germanaj koncentrejoj ankaŭ en E-o: *La nuda vero*, 1975. (R. Boré)

### Germanio: Instruistoj divenis

Dank' al broŝuro prezentanta Esperanton per divenludoj, E-Junularo Heidelberg ricevas ekde oktobro 1993 ĉiumonate ĉ. 10 informpetojn de instruistoj, kiuj volas aŭ mem lerni Esperanton aŭ ricevi materialon por E-instruado kadre de t.n. projektsemajno. Nun oni organizas E-kursojn dum tiaj projekt-semajnoj en dekkelko da germanaj lernejoj. En deko da aliaj lernejoj okazas tutjaraj E-kursoj. (U. Matthias)

### Litovio: Alvoko rezisti

Post kiam kultura vicministro dissendis mil invitojn por E-kurso ĉe la Litova Instituto por Kvalifikado de Instruistoj, 20 instruistoj aliĝis al la kurso de Telesforas Lukoševičius kaj Adomas Vaitilavičius (13-24 jun.).

# Laste aperis...



**Ĉu vi volas paroli flue? Konsiloj por memlernantoj de Esperanto.** Andrzej Pettyn (1938). Varsovio: la aŭtoro, 1994. 18p. 21cm. Surbaze de longa kursestra kaj ĵurnalista sperto. 4,50 gld.

**Esperanto kaj la estonteca plurlingvismo. Diskuto kun Umberto Eco.** István Ertl, François Lo Jacomo. Rotterdam: UEA, 1994. 24p. 21cm. Esperanto-Dokumento 32E. Kompleta teksto de intervjuo. 4,80 gld.

**Esperanto-teatro, La.** Zofia Banet-Fornalowa. Düsseldorf: Alfred Conzeth, 1993 (2-a, multe ampleksigita eld.). 88+36+108p. 21cm. Tri kajeroj: *Skize pri E-teatro; Universalaj Kongresoj kaj E-teatro; Polaj aktoroj kaj E-teatro.* 33,90 gld.

**Kaj kio poste?** Gbeglo Koffi (1957). Rotterdam: Fondaĵo Afriko de UEA, 1994. 16p. 21cm. Aventuroj de du etaj kuzoj kaj nigra kato. 4,50 gld.

**Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo** (1979). Tibor Sekelj (1912-1988). Rotterdam: UEA, 1994 (2-a eld.). 94p. ISBN 92 9017 048 4. 21cm. Ilus. Aventuroj inter indianaj triboj en Brazilo. 15,00 gld.




**Ludovikologia dokumentaro XIX. Ludoviko kaj la inkunabloj.** Tôkyô: Ludovikito, 1994. 215p. 21cm. Ĉiĉeronaj komentoj pri la 118 "inkunabloj" aperintaj en *Ludovikologia dokumentaro.* 57,00 gld.

**Magia okulo, La.** Volframo Distel' (1969). Lepsiko: la aŭtoro, 1994. 14p. 21cm. Pri ŝajne tridimensiaj bildoj. 4,20 gld.

**Plenigu mondon per ardamo.** Chen Mei Ling (1945). Munkeno: Esperanto Eldonejo, 1990. 65p. 21cm. Ilus. Sesdek poemoj de ĉina e-istino kun "speciala talento por paroli kor'-al-kore" (Cathy Schulze). 19,20 gld.

**Provu en la korea.** Bak Giŭan (1956). Seulo: Juna, 1994. 41p. 14cm. Enkonduketo al la korea lingvo. 5,70 gld.

**Sen pardono.** Claude Piron (1931). La komentojn trad. Carla De Lorenzi. Vienna: Pro Esperanto, 1994. 20p. ISBN 3-85182-015-0. 21cm. Dulingva, komentita legaĵo por itallingvaj komencantoj. 4,50 gld.

**60 poemoj.** Div. aŭtoroj. En la vjetnaman trad. Dãng Dình Dàm. Hanojo: Mondo, 1993. 186p. 19cm. Dulingva. Verkoj el 18 landoj, vjetnamigitaj el aŭ per Esperanto. 9,00 gld.

**Sonĝo de Skipiono, La** (54 a.K.). Marko Tulio Cicerono (106-43 a.K.). El la latina trad. Hjalmar J. Runeberg (1874-1934) kaj Gerrit Berveling (1944). Breda: VoKo, 1994. 24p. 21cm. Fama parto de la dialogo *Pri la ŝtato,* en du tradukoj el 1910 kaj 1989. 4,20 gld.

**Versoj diversaj.** Aleksej Ĵuravlov. Krasnojarsk: la aŭtoro, 1994. 94p. 16cm. Ilus. Poemoj originalaj kaj tradukaj (i.a. Gumilov kaj Visockij), plejparte sonetoj. 6,00 gld.



## Mazi: Jarfina elano

Ankoraŭ necesas fortostreĉo por atingi la sojlon de 800 pagitaj antaŭmendoj por realigi la vidbendan kurson *Mazi*, pri kiu vi povis legi en oktobro (p. 171). Ĝis la jarfino validas por la 180-minuta kompleto la avantaĝa prezo de 98 gld., pagebla al la UEA-konto "iein-q" de Internacia Esperanto-Instituto.

**DIVERSAĴOJ**

**Kasedo: Trifolio kantas en Esperanto.** Karlskoga: BIEM, 1994. Dek tri popularaj kantoj. Kun tekstokajero. 16,80 gld.

**Poŝtkarto juneca.** Bazelo: Ernesti, 1994. Plena de tipe Esperantaj esprimoj. 0,60 gld.

**MENDU ĈE LA LIBROSERVO DE UEA,** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Bonvolu atenti ke al ĉiuj netaj prezoj de libroj sendotaj al adresoj en la Eŭropa Unio aldoniĝas 6%, al tiuj de diskoj, insignoj k.s. 17,5% pro la aldonvalora imposto. Al ĉiuj netaj prezoj aldoniĝas 10% por sendokostoj. Minimumaj sendokostoj estas 5 gld. Antaŭdankon pro via mendo!

Post ekzameno kun 14 sukcesintoj, la kursanoj subskribis alvokon al la litoviaj instruistoj ("Helpu por ke rezistu la denaska lingvo"), laŭ kiu instrui la neŭtralan internacian lingvon estas efika rimedo kontraŭ la invado de la angla (post 50 jaroj da rusa influo). La kursfinintoj volonte organizos korespondadon por siaj lernantoj kun alilandaj lernejanoj (skribu al *Litova Stelo*, ab.k. 167, 3000 Kaunas, Litovio).

**Madagaskaro: Kunordiga komitato**

La aktivuloj Désiré Rabevazaha, Bruno Randrianarivelo, Roger Rasolofo kaj Eugène Raveloson kreis komitaton por kunordigi la agadon ĝis renaskiĝo de landa asocio. La 3-an de sept. Randrianarivelo kaj du junuloj donis klarigojn pri E-o al ĵurnalistoj (i.a. de la naciaj televido kaj radio) en hotelo de la ĉefurbo Antananarivo. Lastatempe oftiĝas la informado pri E-o, kaj baldaŭ startos ĉiusemajna, 5-minuta E-elsendo ĉe la nacia radio.

En oktobro Rasolofo ekinstruis Cseh-metode en deviga kurso al 75 gelernantoj de kristana instituto (ICM, Lot. IVD 118 Antsararay-Ambohimanarina, 101 Antananarivo.) En la ĉefurbo ankaŭ du novaj kluboj atendas kontaktojn: La Espero, fondita en majo (p/a UKS, Lgt. 387, Analamahitsy, MG. 101 Antananarivo), kaj ekde septembro Verda Stelo, kiun prezidas Rabevazaha (B.P. 3171, Antananarivo 101).

**Nepalo: Himalaja Renkontiĝo**

Nepala E-Asocio kaj Sierra Travel and Tours (P) Ltd. (P.O.B. 3565, Kathmandu; tel. +977/1/222-985; faks. 228-194) organizas Internacian Himalajan Renkontiĝon de la 26-a de februaro ĝis la 9-a de marto. Ĝi inkluzivas viziton al vidindaĵoj de la du ĉefaj valoj de Nepalo, flosadon sur rivero, tritagan vagadon en montaro kaj duontagan kongreson. La kotizo (inter 550 kaj 650 dolaroj), kiu kovras ĉiujn manĝojn kaj en Katmanduo restadon en bonkvalita hotelo, estas duono de la kutima prezo; la tuta eventuala profito iros al Nepala E-Asocio.

**Slovenio: Nova centro**

Slovenia Esperanto-Ligo kaj ĉiuj slovenaj E-societoj malfermis la 22-an de okt. Centron por Esperanto (Tavčarjeva 2, pk. 401, SI-6101; tel. +386/61/315-198) en Ljubljana. La nova administra kaj informa centro de la slovenia movado funkcios ĉiutage inter la 9-a kaj la 12-a. (J. Zadravec)

**Ukrainio: Karpata E-Ligo**

La 2-an de okt. en Majdan reprezentantoj el Pollando, Slovakio kaj Ukrainio fondis Karpatan Esperanto-Ligon, kiu celas disvolvi kunlaboron inter la E-asocioj de la landoj inkluzivantaj parton de la montaro Karpatoj (temas krome pri Ĉeĥio, Hungario kaj Rumanio). Ĝenerala sekretario de KEL elektiĝis Volodomir Pacjurko (1 Travnja 5/6, UA-292080 Pustomiti, Lvivska obl., Ukrainio). (*E-o en Pollando*)

**Venezuelo: Karakasaj kursoj**

En oktobro prof. Juan Negrete ekgvidis oficialan E-kurson ĉe la Centra Universitato de Venezuelo en Karakaso. En la samurba Homeopatia Lernejo Esperanto estas deviga studobjekto, kaj la landa homeopatia asocio aperigas esperantlingvajn resumojn en sia revuo.

La 75-jariĝinta Fernando de Diego (recenzojn pri liaj tradukoj vidu p. 210-211) finis la unuan fazon de sia laboro pri grandega vortaro hispana-Esperanta. En novembro alvenis Antonio Valén el Hispanio por helpi lin dum unu monato pri la vortaro.

# Fake

**Informado: Havenurbaj ekspozicioj**

Dum dek tagoj (aŭg.-sept.) 200 mil homoj vizitis en Hamburgo la porfamilian foiron "Vi kaj via mondo". Dank' al laboro de 27 lokaj e-istoj kaj al financa subteno de Germana E-Ligo, funkciis tie 16 m$^2$-a E-budo. 475 vizitantoj, kiuj plenumis demandaron, rajtis lotume ricevi premion. El ili 33 partoprenis, jam post la foiro, amuzan enkondukon al la internacia lingvo. (*E-Aktuell*)

En Hispanio Barcelona E-Centro prezentis buntan E-materialon en kultura ekspozicio Barcelona (7-16 okt.), vizitata de miliono da homoj. (S. Aragaj)

**Interlingvistiko: Starto en Torino**

Fabrizio Pennacchietti ekinstruis en oktobro, kadre de la ĵus starigita interlingvistika kaj esperantologia katedro en Torino, la temon "interetna kaj internacia lingva komunikado" al 55 studentoj, kiuj ekzameniĝos post 60 studhoroj, en februaro 1995, pri lingvopolitiko kaj lingvoplanado, resp. Esperanto kiel modelo de dua lingvo.

En la Internacia Supera Lernejo pri Entrepreno kaj Juro de Ĥarkiv (Ukrainio) ekde septembro oni donas bazajn sciojn pri interlingvistiko kaj esperantologio al la studentoj de la dua jaro. (*Heroldo*)

# Oficiala informilo

SOCIETO ZAMENHOF 1994
Germanio: Bruno Vogelmann. Japanio: Osaki Kazuo.

PATRONOJ DE TEJO 1995
Argentino: Atilio Orellana Rojas. Belgio: Elvire De Coene. Britio: Martyn Hugh McClelland. Finnlando: Akseli Kirsilä; Synnöve Mynttinen; Vuokko Tellervo Heinäsuo. Francio: Marc Savre. Nederlando: Miny Massar; W.L. van Leeuwen.

SOCIETO ZAMENHOF 1995
Belgio: L. Drèze. Ĉinio: Wang Jing Rong; Wang Xue. Finnlando: Heta Kesälä; Anna-Liisa Heikkinen; Synnöve Mynttinen. Francio: Eloi Thillière; André Gilles; Jean Gibaux. Germanio: Harry Bily; Elisabeth Hirsch; Elfriede Kruse; Martin Gründler; Gisela Macioszek; Heinz Schindler; Julie Winter; Richard Hirsch. Japanio: Wilhelm Schmid. Nederlando: M. van Bentum-v.d. Broek; Joaquim Calado; E.C. Klaver; Elly Koppers; Joop W. Moonen; Simon P. Smits; Miny Massar.

NOVA DUMVIVA MEMBRO
Bjelorusio: V. Bujak.

DONACOJ 1994 (gld.)
ĝis la 31-a de oktobro

**Fondaĵo Afriko:** Anonime 50,00. Finnlando: A. Harju 25,20; T. Sormunen 200,00. Francio: L. Lentaigne 26,13. Italio: D. Trombetta 1912,00. Nederlando: A.P.G. Ploeg 10,00; W.P. Roelofs 75,00. Sumo ĉi-jara 7340,80.
**Fondaĵo Ameriko:** Britio: M.H. McClelland 28,74. Nederlando: D. van Zanten 25,00. Sumo ĉi-jara 1204,74.
**Fondaĵo Canuto:** Aŭstralio: T. Metherall 15,00. Britio: J. Baker 27,38; P. Danning 15,00; M.H. McClelland 28,74. Finnlando: H. Kesälä 20,00; S. Mynttinen 100.00; J. Pyykönen 10,00; T. Sormunen 162,00. Francio: A. Eyssautier 32,70. Japanio (por aziaj e-istoj): T. Isikawa 34,65; R. Karibe 34,65; T. Kataoka 34,65; M. Nisida 34,65; N. Nisimura 34,65; M. Niwa 34,65; R. Samura 34,65; K. Watanabe 34,65; Esp. Rondo de Tomakomai 34,65. Nederlando: M.G.C. v.d. Berg 10,00; F. Berthelot 70,00; J.H. Derks 33,00; T. Kanter 53,00; N.C. Kuiterman 15,00; W.A. Massar-van Diepen 74,00; N. Moerbeek 50,00; R. Moerbeek 25,00; J.W. Moonen 100,00; G. Peet 53,00; A.P.G. Ploeg 10,00; P. Schuil 35,00; B.M. Slösser-Bresler 100,00; D. van Zanten 25,00. Pollando: T. Matsumoto 173,25. Usono: L. Harmon 13,00; A. Victor 10,00. Venezuelo: J.

**Instruado: Agu kun ILEI en 1995**

La venontjaraj Tago de la Lernejo (dum la UK) kaj ILEI-Konferenco (29 jul.-4 aŭg., Porvoo, Finnlando) ĉefe pritraktos la temon *Propedeŭtika valoro de Esperanto*. Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj invitas ĉiujn proponi mallongan prelegon pri la temo. Bv. sendi resumon kaj personajn informojn, laŭeble ĝis la 10-a de januaro, al la sekretario de ILEI: Marija Belošević, Sveti duh 130, HR-41000 Zagreb, Kroatio; tel. +385/41/576-092.

Esperantaj organizoj kaj centroj kiuj volas gastigi *ekzamen-sesion* de ILEI/UEA, informiĝu pri la kondiĉoj ĉe la sekretario de la Internacia Ekzamena Komitato: prof. Ivan Bekavac-Basić, Kušlanova 59, HR-41000 Zagreb, Kroatio.

**Junularo: Seminario pli Komuna**

La longtradicia Komuna Seminario de japanaj kaj koreaj gejunuloj okazis la 13-an fojon dum la ĉi-jara IJK. Ĉina Junulara E-Asocio aliĝis kiel tria partnero kaj gastigos la 14-an KS en 1995 (20-26 julio, X'ian). Ekde nun la tri partneroj okazigos la seminarion alterne, sed volonte larĝigus la kunlaboron al aliaj landoj aziaj. (*TEJO-Tutmonde*)

**Komputiko: Helpu testi**

La tutmonda komerca informservo komputila, CompuServe, anoncis septembre ke ĝiaj uzantoj ekhavas aliron al rapida maŝina tradukado ambaŭdirekta inter la angla kaj franca, resp. germana. (E. Grimley Evans)

Gábor Deák Jahn (Júlia u. 2/A, HU-1026 Budapest, Hungario; faks. +36/1/156-60-09) evoluigis ortografian kontrolprogramon por Esperantaj tekstoj. Deák Jahn bonvenigas testemulojn. (*Eventoj*)

**Masaĝo: Mongola monato**

En junio SAIONJI Masayuki, iniciatinto de la terapia masaĝo Yumeiho, gvidis kurson por 20 medicinistoj en la mongola ĉefurbo Ulanbatoro. La 18 ekzameniĝintoj nun lernas E-on por akiri pli altgradan Yumeiho-diplomon. La libro *Orienta speciala Diina masaĝo*, kiun mongoligis kaj aperigis Ĉ. Dogsuren, atendas reeldonon post elĉerpiĝo de la unuaj 5 mil ekzempleroj. (Ĉ. Dogsuren)

En Vjetnamio la E-asocio de Hô Chí Minh kunlaboras kun du hospitaloj de la provincoj Long An kaj Cantho, por antaŭenigi Yumeiho-n.

---

Bachrich 50,00. Diversaj malgrandaj 14,00. Sumo ĉi-jara 16 092,37.

**Ĝenerala Kaso:** Britio: W.H. Hawkins 26,03. Nederlando: J.G.L.M. Verheijen 13,00. Diversaj malgrandaj 3,00. Sumo ĉi-jara 10 847,39.

**Fondaĵo Oficeja Ilaro:** Nederlando: N. Rašić 50,00. Sumo ĉi-jara 10 185,75.

**Pasporta Servo:** Kanado: M. Meijer 12,92. Finnlando: L. Teräntö 36,00. Germanio: T. Bormann 30,00. Nederlando: A. Roetman 20,00. Svedio: M. Weichert 10,00. Sumo ĉi-jara 477,93.

**Triamonda Kongresa Fondaĵo:** Aŭstralio: T. Metherall 15,00. Britio: B. Clarke 13,00; P. Danning 30,00. Finnlando: I. Heikkilä 35,00; H. Kesälä 20,00; S. Mynttinen 100,00. Germanio: H. Schindler 50,00. Israelo: J. Ŝemer 35,00. Kanado: N. Fleury 35,00. Nederlando: A.J. Bakker-ten Hagen 193,00; R. Bossong 50,00; H. ten Hagen 35,00; N.C. Kuiterman 20,00; R. Moerbeek 25,00. Usono: L. Harmon 30,00; D. Holland 100,00; A. Victor 10,00. Venezuelo: J. Bachrich 50,00. Sumo ĉi-jara 5570,92.

**Volontula Fondaĵo:** Aŭstralio: T. Metherall 15,00. Finnlando: H. Kesälä 20,00; S. Mynttinen 100,00. Nederlando: R. Moerbeek 25,00. Sumo ĉi-jara 525,19.

**Al ĉiuj tre koran dankon!** UEA




**Turismo: Logiloj el kvar mondanguloj**

Tri lastatempaj faldfolioj el resp. Finnlando, Usono, Nepalo, kaj broŝuro el Svislando:

La loka E-societo (Puutarhakatu 26 A 11, FI-20100 Turku, Finnlando) eldonis *Turku, urbo de imponaj vidindaĵoj* en traduko de Paula Harju. Pri la fieraĵoj de la kalifornia ĉefurbo Sacramento petu faldfolion (trad. Charles Galvin) ĉe Sacramento Convention & Visitors Bureau (1421 K Street, Sacramento, CA 95814, Usono). Pri la Esperanta Servo de la nepala Tara Tours & Travels Pvt. Ltd (P.O.B. 696, Kantipath, Kathmandu), kiu disdonas la infomilon *Bonvenon al Nepalo!*, demandu Narendra Manandhar. Fine, *Parko Scherrer – Mirĝardeno* pentras la belaĵojn de sud-svisa parko en la angla, Esperanto (trad. Tazio Carlevaro) kaj en la kvar lingvoj de la svisa federacio (Comune di Morcote, CH-6922, Morcote).

### Medicino: Nature, kunlabore

En la Seula UK la prezidanto de Universala Medicina E-Asocio, Imre Ferenczy, kaj reprezentantoj de E-ista Naturkuracista Asocio, Puramo Chong kaj Kees Ruig, subskribis protokolon pri intensa kunlaborado de UMEA kaj ENA. (K. Ruig)

### Radio: Pekino 30-jara

Antaŭ tridek jaroj, la 19-an de decembro 1964, Radio Pekino komencis disaŭdigi Esperantajn programojn. En 1994 ĝiaj kvar ĉiutagaj elsendoj, kiuj direktiĝas al Orienta kaj Suda Azio, Eŭropo, resp. Suda Ameriko, sumiĝis je pli ol 600 horoj. (La ondolongojn vd. en nov., p. 186).

### Scienco: Fonduso kun konkurso

La Fonduso Germain Pirlot de Akademio Internacia de Sciencoj celas instigi la eldonadon de sciencaj verkoj ne interlingvistikaj aŭ esperantologiaj. Tial ĝi ĉiujare atribuas premion de min. 500 germanaj markoj al scienca publikigaĵo verkita almenaŭ duone en Esperanto, prezentita antaŭ la 1-a de marto al la Senato de AIS. Detala regularo ĉe Petr Chrdle, Anglická 878, CZ-25229 Dobřichovice, Ĉeĥio.

### Universitatoj: Ĉina interŝanĝo

Sciencista kaj Teknikista E-Asocio (Shen Chenru kaj Wang Yuchun, Academia Sinica, 52 Sanlihe, CN-100864 Beijing, Ĉinio) klopodas realigi interŝanĝan programon de la ĉinaj universitatoj Bei Li kaj Yi Jin kun eksterlandaj universitatoj kunlaborpretaj. Laŭ la plano la studentoj pasigus, post tri studjaroj en la hejmlando, unu jaron ĉe la partnera universitato por studi "ĉinstilajn fakojn" (lingvo, akupunkturo, masaĝo ks.) resp. lingvon, ekonomikon, komercon, administradon ktp.

### Verkistoj: Japana PEN ne kontraŭis

T. Moriyama, ĝenerala sekretario de Japana PEN-Klubo, sciigis al Esperanta PEN ke la japana PEN-delegacio ne voĉdonis malfavore pri la aliĝo de Esperanta PEN al PEN Internacia dum ties pasintjara kongreso en Santiago de Compostela — male ol informis nia revuo (jan. 1994, p. 3). Eĉ, Japana PEN-Klubo decidis aŭspicii la ĉi-jaran, 81-an Kongreson de Japanaj Esperantistoj. (YAMASAKI S.)

# *Nekrologoj*

Ignas BALČIŪNAS (1909-1994), litova aktivulo, kursestro, unu el la revivigintoj de Litova E-Asocio, mortis la 16-an de januaro 1994 en Kaunas.

Calvin C. COPE (1897-1994), antaŭa delegito, mortis la 23-an de junio en Berkeley (CA, Usono). Li esperantistiĝis en 1911.

Léon GOUDÉ (1923-1994), delegito en Juigné-sur-Loire (Francio), katolika pastro, kiu fondis la grupon en Baugé kaj gvidis multajn kursojn, forpasis la 8-an de aŭgusto en Angers.

Poul Stensgaard HANSEN (1918-1994), e-isto de la 30-aj jaroj, delegito dum duona jarcento, prezidanto de E-Unuiĝo de Naestved (Danio) dum 17 jaroj, mortis la 15-an de aŭgusto.

Albert C. van INGEN (1908-1994), dumviva membro, forpasis la 12-an de septembro en Hago. Li famiĝis kiel reprezentanto de Literatura Mondo en Roterdamo, kie li ankaŭ gvidis sukcesajn Cseh-kursojn. Li instruis en Indonezio, kaj ricevis la distingon Jad Vaŝem de Israelo. Li mecenatis la movadon en Nederlando kaj krome zorgis pri tre aĝa mecenato, Henriko Veenstra (1893-1983).

Edith JENSEN (1909-1994), iama delegitino pri turismo kaj prezidanto de la Eldona Societo de *Norda Prismo*, mortis la 27-an de septembro en Kopenhago (Danio).

Arnljot KYLLINGSTAD (1929-1994), fakdelegito pri lingvoj kaj turismo en Eigersund (Norvegio), grandanima gastiganto kaj subtenanto de la movado, forpasis la 15-an de septembro.

Germaine LEMONNIER (1905-1994), multjara prezidantino kaj kunrefondinto de Franca Fervojista E-Asocio, honora membro de Internacia Fervojista E-Federacio, mortis lastatempe en Vanves (Francio). Ŝi ludis gravan rolon ĉe la fondo de FISAIC, internacia kultura organizo de fervojistoj.

Tone LOGAR (1913-1994) forpasis en Ljubljana la 29-an de septembro. Esperantisto ekde 1930, li kunfondis la Ljubljanan E-rondon (1932) kaj Slovenian E-Ligon (1937). Li instruis, ankaŭ per radia kaj gazeta kursoj, kaj kompilis korespondan kurson en bildoj. Li tradukis la fabelon *Neĝulino* de la fratoj Grimm (1967) kaj ankaŭ *Krono de l' sonetoj* de la slovena poeto France Prešeren (1986). Profesie reklamgrafikisto, li presis Esperantajn poŝtkartojn kaj propagandilojn. Logar estis la Ljubljana delegito inter 1947 kaj 1988, kaj fakdelegito pri grafiko ĝis la morto. Longtempe li prezidis la E-societon en Ljubljana.



*Tone Logar*

Nils OLSSON (1911-1994), delegito en Höör (Svedio), dumviva membro kaj regula ano de Societo Zamenhof, mortis la 21-an de aŭgusto. Li lernis la lingvon kun sia pli aĝa (ankoraŭ aktiva) frato Olle jam en la 20-aj jaroj, kaj kunfondis la klubon en Höör. Li tre aktivis en la internaciaj E-semajnoj de Frostavallen. Ankaŭ lia filino, Kerstin Rohdin, estas aktiva en la sveda movado.

# Indekso 1994

*Kursiva cifero indikas aŭtorecon de teksto, dika cifero aludas foton. Ĉe libroj, kursivaj titoloj signas recenzitajn, nekursivaj alial menciitajn verkojn.*